Aprilo 1906. II jaro. № 4.

# Ruslanda Esperantisto.

Oficiala organo de Societo „Espero“.



Senpaga eldono por membroj de Peterburga S-to „Espero“



Manuskriptoj, korespondado k. t. p. devas esti adresataj je nomo de „Societo Espero“ en S.-Peterburgo.



Eldonanto: S-TO „ESPERO“ en Peterburgo. Redaktoro: D-ro A. I. ASNES.



Unua esperanta presejo en Ruslando de D. P. WEJSBRUT.
Peterburgo: Troickij Prospekt, 14.

# Ķorespondа fako.

La celo de korespondа fako estas la unuiĝo de tutmonda esperantistaro per reciproka korespondado. Tial ni korege petas ĉiujn, kiel ruslandajn, tiel eksterlandajn esperantistojn, dezirantajn korespondadi pri kio ajn objekto kaj por kia ajn celo sendadi al ni siajn adresojn, legeble skribitajn.
Por enpreso d'adreso en la korespondan fakon oni sendu al ni la poŝtmarkon de 20 kop. valoro La alilandaj poŝtmarkoj estas ankaŭ akceptataj por ilia nominala valoro.

La Redakcio.

## Novaj adresoj:

RUSLANDO: Dmitrijev, Kurskoj gub. S-ro I. M. Golcov.
Libaŭ, Kurlandskoj gub., Krigshafen Aleksandra III, kapitano L. S. Ĥorvat. por S-no Ludmila Ĥorvat.
St.-Peterburgo, Mogilevskaja 13, loĝ. 13, Vladimir Vladimiroviĉ de Maynov.
St.-Peterburgo, Nevskij 56, loĝ. 16, s-ro I. J. Komarov.
St.-Peterburgo, Ug. Ekateringofsk. pr. i Ekaterinin. kanala d. 12—106, kv. 31, s-ro M. Ambroz.
Starodub, Ĉernigovskoj gub., selo Pantusovo, s-ro M. F. Korotkij.

FRANCUJO: Calais, 52 rue du Moulin-Brule, s-ro Emile De Jaeger, interŝanĝo per ilustr. poŝtkartoj.
Dieppe, Grand' rue 145, s-ro Jean Hurpin, deziras korespondadi kun rusa fraŭlino, precipe instruistino.
Versailles, Seine et Oise, 1-er Genie, s-ro J. Mentiar.

ANGLUJO: Batley, 34 Warwick road. S-ro J. S. Rothwell dez. koresp. kun ĉiuland. geesper. per ilustr. poŝtkartoj. Ĉiam respondos tuj kaj laŭdezire.

---

## SANĜITAJ ADRESOJ:

E. V. Radvan-Ripinski:—Peterburgo, Usaĉov pereulok, d. 8, loĝ. 8.
V. Devjatnin:—Vilna, Snipiŝki, Kalvarijskaja, d. Gusĉo.

Ruslanda Esperantisto.

Oficiala organo de Societo „Espero".

Aprilo 1906. | Redakcio: St.-Peterburgo, Bolŝ. Podjaĉeskaja, 24. | II-a jaro. № 4.

# Elementoj de kunfratiĝo de popoloj.

Kiam ni rememoras la vivon de antikvaj kaj mezcentjarai popoloj, en nia imago ordinare pentriĝas senhaltaj kruelaj militoj, sklavaĵo, ekzekutoj, turmentadoj, homoferadoj kaj al tio similaj sovaĝaĵoj, kunmetintaj ordinaran pentraĵon de tiaj epokoj.

Nevane ĉe Romanoj formiĝis la proverbo: „homo homini lupus est"—homo al homo lupo estas. Venko de unu popolo super alia ordinare en la komenco akompaniĝadis de masa mortigo de venkitoj, ĉiaforma mokegado je liaj persono, kredoj, honoro, poste—de depreno de havaĵo, konverto en sklavecon, k. t. p. Per unu vorto, inter homoj estis permesataj tiaj rilatoj, kiaj en niaj kleraj samtempuloj povas eksciti nur grandegan abomenon. Komparu, ekzemple, karakteron de antaŭaj militaj kaj nunaj. En antaŭaj tempoj kaptitoj ne estis opiniataj, kiel ekzistaĵoj, postulantaj al si humanan rilaton, dum nuntempe al ili oni donas, kiom estas eble, tiajn samajn kondiĉojn de vivo, kiajn ili havis en patrujo. Tion saman ni vidas kaj koncernante vojaĝojn en fremdajn landojn. En antaŭaj tempoj tiuj vajaĝoj estis kunigataj kun grandegaj danĝeroj por la vivo de vojaĝantoj; dum nuntempe tiuj-ĉi lastaj en fremda lando estas garantiataj preskaŭ tiom same, kiom en sia patrujo.

Tiaj estas rezultatoj de disvolviĝo de internaciaj rilatoj kaj de l'kultura vivo de popoloj, sed kvankam ni tre prospere iris antaŭen en kultura rilato kompare kun popoloj de l'antikva kaj mezcentjara mondo, tamen en nia vivo ankoraŭ havas lokon multego da tiaj reciprokaj rilatoj, kiuj ne povas ne ekscitadi en la plej granda parto da nuntempuloj la plej profundan proteston.

Al la nombro da tiaj fenomenoj ni portas plej antaŭe militojn, kaj kune kun ili ankaŭ tiujn kondiĉojn, kiuj permesas eĉ ĝis nuna tempo ia ekzistadon de tiu ĉi abomena maniero de solvado de naskiĝantaj inter apartaj regnoj malkompreniĝoj.

La militoj povas eksciti la proteston kontraŭ si ne sole tial, ke ili naskas multegajn mortigojn kaj kriplojn kiaj estas entute abomenaj por la naturo de homoj, sed ankaŭ tial, ke milita tempo akompaniĝas ordinare de malaltigo de kultura laborado de militantaj landoj, dum do en tiu ĉi lasta laborado ni vidas la plej esperindan fonton por altigo de l'nivelo de komuna bonvivo de l'homaro. Laŭ nia profunda opinio al homo devas donadi kaj povas doni lian feliĉon nur tia neelĉerpebla fonto da ĉiuj fortoj kaj riĉecoj, kiujn prezentas ĉirkaŭanta homon naturo, sed neniel la reciproka sklavigado de l'homoj.

La ĉiuflanka do esplorado kaj prilaborado de tiu ĉi fonto estas unu el ĉefaj problemoj de la homa kulturo. La kampo de agado por la lasta estas neelĉerpeble granda, tiom granda ke ni eĉ en nuna tempo, kune kun Sokrato povas diri: „ni scias nur tion, ke ni nenion scias". Ni iom scias pri strukturo kaj ecoj de l'ekstera ŝelo de terglobo, sed ni nenion scias, kio troviĝas en interno de l'tero; ni scias, el kiaj elementoj konsistas multaj korpoj de organika kaj neorganika mondo, kaj pro tio ĉi povas kunmeti, ekzemple, akvon el elementoj: oksigeno kaj hidrogeno, sed por ni ankoraŭ restas kiel mistero konstruaĵo de organika ŝtofo de l'naturo, kaj pro tio ĉi ni ĝis nuna tempo ne povas ankoraŭ ricevi panon per fabrika maniero, kvankam ni jam trovis,

ke ĉiuj niaj nutreblaj ŝtofoj konsistas precipe el oksigeno, hidrogeno, azoto kaj karbogeno; ni scias, kian grandegan moveblan forton prezentas vento, sed tiun ĉi forton ni preskaŭ ne eksploatas; ni scias, ke la lumo kaj varmo prezentas tiajn grandegajn fontojn de energio, kies mezuron ni ne povas eĉ imagi, sed ni ankoraŭ ne alkutimiĝis direkti tiajn fontojn tute laŭ vojo de homa feliĉo. Ni povus nomi ankoraŭ milojn da similaj regionoj, kien homa scienco aŭ tute ne penetradis, aŭ kvankam penetris, tamen ne sufiĉe, sed ni opinias, ke eĉ la montritaj jam estas sufiĉaj por konvinki pri l'grandega signifo de l'kulturo por la homaro.

Kiel logika konkludo el ĉio dirita sekvas, ke la homaro en nuna tempo devas ĉiujn siajn penojn direkti al kreado de tiaj kondiĉoj, ĉe kiaj la kultura laborado renkontus sur sia vojo neniajn malhelpojn kaj ricevus maksimumon da sia produkteco.

Ni supre diris, ke laŭ nia opinio la militoj estas unu el ĉefaj malhelpoj por kultura disvolviĝo de popoloj. Kiel fundamento de tiu ĉi opinio servas sekvantaj argumentoj.

Ĉiu milito ordinare estas akompanata de grandegaj materialaj elspezoj por militantoj; tiuj elspezoj elmontriĝas kiel en grandegaj sumoj da mono, malŝparataj por ĉiaspecaj iloj de milito kaj plifortigitaj rekompencoj de servantoj, tiel en kosto de fortoj, fortiritaj de milito de iliaj kutimaj okupoj. Tiel, ekzemple, Rusa-Japana milito elvokis por Rusujo nur internajn kaj eksterajn pruntojn en la sumo da ĉirkaŭ tri miliardoj da rubloj; poste, se ni kalkulos koston de jara laborado de ĉiu soldato meznombre per ducent rubloj, perdita produktebla laboro de unu miliono da soldatoj, alvokitaj en Malproksiman Orienton dum daŭro de unu kaj duonjaro de milito mezuriĝos proksimume per ducent milionoj da rubloj.

Krom tio, transveturigo de tiu ĉi armeo antaŭen kaj reen kostos al la regno ĉirkaŭ cent kvindek milionojn da rubloj; tuŝante do la koston por la regno de perditaj ŝipoj, Port-Arturo, Dalnij, Orienta fervojo, duono da Saĥalin', de centaj da miloj da mortigitoj, da vunditoj, kripligitoj, nerve malsaniĝintaj, de eldonado de pensioj al suferintoj kaj t. p.— fari kalkulon al ĉi tio estas dume malfacile eĉ proksimume.

Entute tiu ĉi milito kostis al Rusujo neniel malpli, ol kvin miliardojn. Por mezuri tiun ĉi sumon per mezurilo de l'kultura laborado, ni ekzemple povas ekpreni por komparo jaran buĝeton de l'Kazana Universitato *), kiu esprimiĝis laŭ financa kalkulo de la Ministraĵo de Klerigado en 1904 jaro per sumo 638.000 rubloj, kaj ni povas konkludi ke per la malŝparita pro la milito sumo Rusujo povus teni en daŭro da dudek jaroj kvarcent universitatojn. Kiom per tio Rusujo ricevus da instruituloj, kiom da utiloj elpensoj kaj eltrovoj oni povus fari!

Akceptante do, kiel mezurilon, mezan koston en Rusujo de unu desjatino **) da tero en 100 rubloj, ni kalkulos, ke por kvin miliardoj rubloj oni povus aĉeti kvindek milonojn da desjatinoj, tio estas spacon, pli grandan, ol tuta Japanujo kaj preskaŭ egalan al placo de l'kontinenta Francujo. Sed anstataŭ tio ĉi la regno ricevis grandegan malfortigon de materialaj rimedoj, kiu necese longe malrapidigos kontentiĝon de multaj kulturaj bezonoj de la regno, ne parolante jam pri maso da malĝojo kaj suferoj por apartaj ĝiaj membroj.

Tiaj estas kutimaj rezultatoj de militoj. Nature, la homaro devas streĉi ĉiujn siajn penojn por detrui tiun ĉi vipon de ĉiuj popoloj. Sed por tio estas necese ke en mason da homoj profunde penetru la ideoj de kunfratiĝo de popoloj kaj celado al detruo de ĉiuj cirkonstancoj, dividantaj kaj apartigantaj la regnojn unu de aliaj. Tiaj cirkonstancoj estas: 1) la foresto de unuforma internacia lingvo; 2) la foresto de internacia juĝa instituto; 3) la foresto de tia internacia administra organo, kiu plenumus juĝajn decidojn de internacia juĝo kaj administrus aliajn formojn de internaciaj rilatoj. Kvankam la ideoj pri tiuj elementoj de kunfratiĝo de popoloj komencis aperi de flanko de apartaj pensantoj jam tre de longe, sed por ilia efektivigado ĝis nuna tempo estis farite tre malmulte. Interalie por efektivigado de la ideo de internacia juĝo estis faritaj eksperimentoj sub la formo de internaciaj kongresoj kaj konferencoj, kiuj estis kunvokataj por mallonga tempo en sekvo de apartaj cirkon-

---

*) Unu el plej malgrandaj rusaj Universitatoj.
Rim. de l'Red.

**) „Desjatino" (arpent, Morgen, 5 jare) estas rusa mezurilo da tero, egala al 2400 kvadr. klaftoj.
Rim. de l'Red.

stancoj, kaj kvankam la lastaj en kelkaj okazoj atingadis la celon, ekzemple en afero de esploro de l'Hulla incidento inter Rusujo kaj Anglujo, sed entute ne havis seriozajn rezultatojn, ĉar ili ne havis necesan plenumantan organon; agado de nomitaj institutoj en tia speco povas esti komparita kun agado de niaj juĝoj, se decidoj kaj kondamnoj de tiuj ĉi ne povus esti plenumataj de juĝaj observistoj, policistoj kaj militistoj. Tiel same kaj funkcioj de diversaj institutoj kun internacie juĝa karaktero povas nur tiam atingi sian celon se ĉe tiuj ĉi institutoj ekzistados tia internacia milita korpuso, kiu povus agi per minacanta maniero kontraŭ tiuj regnoj, kiuj ne volus memvole submetiĝi al decido de internacia juĝo*). Ju pli baldaŭ tiuj ĉi institutoj estos aranĝitaj, des pli utile estos por la homaro, ili forigos la naskiĝon de multaj militoj, kiuj ĉiutage kun pliperfektiĝo de tekniko fariĝas pli kaj pli sangverŝantaj.

Kiel unu el la plej seriozaj rimedoj por rapidigo de enkonduko de nomitaj institutoj, laŭ nia opinio, estas enkonduko por tutmonda uzado de internacia lingvo. Malinterkompreniĝo inter homoj sekvigata de reciproka malsciado de lingvo de interparolanto per si mem ĉesigas iliajn reciprokajn rilatojn. La multego da homoj rifuziĝas de alilandaj vojaĝoj kaj aferaj komunikiĝoj kun alilandanoj nur en sekvo de malscio de alilandaj lingvoj. Sed ellernado de ĉi tiuj ordinare estas kunligata kun grandega perdo de laboro, tempo kaj mono.

Krom tio, tiu ĉi ellernado ordinare estas limigata per unu, du kaj malofte per pli multa nombro da lingvoj. Se do ekzistus unu tutmonda internacia lingvo, ellernado de multaj lingvoj fariĝus tute superflua kaj ĝi donus la eblon al ĉiu homo senbare komenci rilatojn kun ĉiuj homaj de l'terglobo. Celado de l'homaro al tutmonda internacia lingvo elmontriĝas jam nature per si mem: en nuna tempo oni povas trovi nenian lingvon, en kiun ne enirus multego da fremdaj vortoj. En kunmiksiĝo de lingvoj oni observas tiajn samajn fenomenojn, kiel ankaŭ en la proceso de diffuzado de fluidaĵoj tra vezikaj bariloj: tiuj ĉi bariloj nur povas malrapidigi la proceson de miksiĝado de dividitaj fluidaĵoj, sed la naturo frue aŭ malfrue venkos kaj venos momento, kiam la fluidaĵoj akceptos unuspecan enhavon. Sed tia maniero de kunmiksiĝado postulas longan tempon.

Se do oni bezonas pli rapidan agadon, por tio kiel la plej bona rimedo servas senpera kunligo de la kunmiksotaj fluidaĵoj. En nia okazo la rolon de tiu ĉi rapidiganta proceso ludas enkonduko de internacia artefarita lingvo. Se la ellernado de tiu ĉi lingvo estos enkondukita, kiel nepra objekto en ĉiuj lernejoj anstataŭ ĉiuj alilandaj lingvoj, per tio estos farita grandega bonfaro al la tuta homaro. Kiom tio ĉi estas utile oni povas vidi laŭ sekvanta ekzemplo. Laŭ la programoj de l'rusaj klasikaj gimnazioj, aranĝitaj en 1870 jaro, en ok klasoj de gimnazioj estis metitaj dum semajno por ĉiuj sciencoj 226 lecionoj kaj el ili 124 lecionojn, t. e. 55% oni uzis por ellernado nur de alilandaj lingvoj.

El tio ni vidas, ke rusa junularo el ok jaroj de gimnazia kurso pli ol 4 jarojn uzadis por ellernado nur de alilandaj lingvoj, por aliaj do sciencoj ĉe ĝi restis malpli, ol 4 jaroj: kaj malgraŭ tio, ĝi nenian lingvon ellernadis tiom, ke ĝi sciu libere en tiu ĉi lingvo legi, skribi kaj paroli. Dume, se anstataŭ ĉiuj lingvoj en lernejojn estus enkondukita ellernado de la plej bona nuntempe el artefaritaj lingvoj — Esperanto; por en ĝi libere legi, skribi kaj paroli oni bezonus maksimume 6 monatojn, la tuta do restanta tempo de l'kurso povus esti uzata por akirado de efektive bezonaj por vivo scioj.

Ke montrita per ni bezona por ellernado de Esperanto duonjara periodo ne estas tro malgrandigita, en tio povas konvinkiĝi ĉiu, kiu volos sin okupi per la ellernado de tiu ĉi lingvo.

Ni tie ĉi ne parolos multe pri la indecoj de Esperanto, jam konfesitaj per centoj da miloj da kleraj homoj, ni nur diros, ke la tuta gramatiko de lingvo Esperanto estas kunmetita el 16 reguloj kaj povas esti ellernata dum duonhoro, kaj ellernado de ĝia vortaro rezultiĝas en la ellernado da ĉirkaŭ 2000 radikaj vortoj, el kiuj laŭ donitaj per la aŭtoro de la lingvo reguloj oni facile povas produkti ĉiujn aliajn vortojn.

*) Presante tiun ĉi artikolon, la Redakcio devas noti, ke ĝi konsentas ne kun ĉiuj ideoj, esprimitaj de l'aŭtoro.

Rim. de l'Red.

Elekto kaj ellernado de unu internacia lingvo fariĝas nuntempe, kune kun disvolviĝo de scienco kaj internaciaj interkomunikoj, pli kaj pli bezona.

Grandega larĝiĝo de l'reto de fervojoj, telegrafoj, telefonoj plibonigo de rimedoj de aerveturado, eltrovo de senfadena telegrafo, kaj aliaj akiroj de l'kulturo pli kaj pli detruas artefaritajn limojn inter apartaj regnoj kaj kondukas la homaron al formado de unuspeca familio. Al tio igas la homojn la leĝaj de l'naturo, kiuj celas meti ĉie la plej persistajn formojn de estado.

A. Saĥarov.

# El la mondo homarana (hilelista).

En la komenco de Aprilo la Unua grupo Homarana dissendis al ĉiuj homaranoj la sekvantan cirkuleran leteron:

Ni ricevis Vian aprobon de la ideo homarana (hilelista) kaj Vian deziron aliĝi al ni. Sendante al Vi fratan kaj samideanan saluton, ni esprimas la esperon, ke vi fervore laboros por nia ideo kaj altirados al ĝi konstante ĉiampli kaj pli da amikoj kaj ke vi baldaŭ sciigos nin pri la fondo de Grupo Homarana en Via urbo. „Grupo" da homaranoj ni nomas rondeton, konsistantan el ne malpli ol 10 personoj.

Por la altirado de novaj samideanoj Vi povas ricevi de ni la broŝuron pri homaranismo (en lingvo rusa aŭ esperanto, poste ankaŭ en aliaj lingvoj) por laprezo de unu rublo (fr. 2,50) por 20 ekzempleroj.

Por disvolvadi la ideon de homaranismo kaj ligi inter si la homaranojn, la Unua Grupo Homarana baldaŭ komencos la dissendadon de „Rondirantoj Homaranaj", kiuj enhavos diversajn sciigojn pri la progresado de la afero homarana kaj diversajn opiniojn kaj proponojn de fratoj-homaranoj. Tiuj ĉi Rondirantoj povos esti legataj en la homaranaj kunvenoj kaj servi kiel reciproka konsiliĝado kaj helpado inter ĉiuj homaranoj.

La Rondirantoj estos sendataj nur al la „Grupoj" homaranaj. Ili estos pretigataj kaj dissendataj en la sekvanta maniero: ĉiu homarano, kiu deziras transigi al la aliaj homaranoj ian raporton, opinion, aŭ eĉ simple ian artikolon, rakonton, demandon k. t. p., kiu povas havi intereson por la homaranoj, estas petata skribi ĝin en la lingvo Esperanto, per klara kaj bone legebla skribo, sur paperaj folioj, havantaj la formaton de ordinara letera papero (proksimume ctm. 20×13) kaj sendi ĝin al la sekretario de la Unua Grupo Homarana. La Unua Grupo legos la ricevitan materialon en siaj kunvenoj kaj en la fino de ĉiu monato (poste, ĉe pli granda kvanto da materialo, en la fino de ĉiu semajno) ĝi kunekudros la tutan materialon kaj sendos ĝin en formo de Rondiranto al la grupo homarana, portanta la numeron 2. Tiu ĉi lasta, traleginte la materialon en sia kunveno, forsendos la Rondiranton (per rekomendita banderolo) al la grupo № 3, tiu ĉi lasta al № 4, k. t. p.—kaj la lasta el la grupoj resendos ĝin, por konservi en la arĥivo, al la Unua Grupo. Al ĉiu Rondiranto estos aldonita la adresaro de ĉiuj grupoj homaranaj kun la orda numero de ĉiu el ili. Al ĉiu Rondiranto estos aldonitaj ankaŭ la nomoj kaj adresoj de ĉiuj apartaj homaranoj, kiuj aliĝis de la tempo de elsendo de la lasta Rondiranto.

En la Rondiranto № 1 estos publikigitaj informoj pri ĉiuj homaranoj, kiuj aliĝis al nia aferode la komenco ĝis la 15 Majo 1906. Tial ni petas, ke ĉiu persono, kiu deziras alkalkuli sin al la anaro homarana, volu sendi al ni kiel eble plej baldaŭ respondojn je la sekvantaj demandoj:

Kia estas via nomo persona?... Nomo familia?... Detala adreso?... Nacio (en senco homarana)?... Gento?... Lingvo persona?... Lingvo familia?... Lingvo genta?... Religio (en senco homarana)?... Aĝo?... Profesio?... Al kiu grupo homarana Vi estas enskribita?...

Ĉiuj sciigoj devas esti sendataj al la sekretario de la Unua Grupo Homarano, sub la sekvanta adreso: D-ro A. Waldenberg, str. Grzyboswka № 15, Varŝovio.

## Pri unuiĝo de l'kristanaro.

Malkovrita letero al sinjor' abato Em. Peltier.

---

Tre estimata sinjor' Direktoro
kaj kara kunfrato!

Kun granda plezuro mi tralegis vian ŝatindan leteron*) al ĉiuj pastroj kristanaj. Jes, vi estas prava, ekparolinte pri la unuiĝo de l'kristanaro. Se la momento de tiu ĉi unuiĝo eble ankoraŭ ne alvenis, tamen ĝi ŝajnas komencinta alproksimiĝadi. Tial estas jam ĝusta tempo pri ĝi nun ekpensi kaj eĉ publike ekparoli.

Esplorante la ĝisnunan kristanaran historion oni facile vidas, ke ĝi estis nenio alia ol la periodo de kontinua ĉiaspeca diferenciĝo. Kaj efektive, elirinte el unu komuna fonto de l'sankta skribo kaj de tradicio, la kristanaro de la unuaj tagoj de ĝia ekzistado ekkomencis peneme serĉadi la Eklezian idealon kaj la plej perfektajn eksterajn formojn por ĝia realigo sur la tero. El tiu ĉi serĉado devenis ĉiuj sĥismoj, ĉiuj herezoj kaj ankaŭ ĉiu nun vidata diverseco en religiaj dogmoj, en kanonaj leĝoj, en ekleziaj liturgioj, en sakramentaj ritoj k. t. p.

Kion opinii pri tiu proceso diferenciĝa? Ĉu ĝi estas absolute kontraŭdia? Mi ĝin diri ne kuraĝas. Kontraŭe, memorante la vortojn de S. Paŭlo: oportet et haereses esse, mi permesas al mi pensadi, ke en la generala Dia plano eĉ herezoj kaj sĥismoj havas sian necesindecon, ke ili estas siaspecaj „feliĉaj kulpoj", analogiaj je kulpo de niaj unuaj gepatroj, kaj neniel pli gravaj ol tiu ĉi lasta.

Sed aliflanke, konfesante la historian necesindecon de sĥismoj kaj herezoj, oni povas neniel defendadi ilian absolutan necesindecon por eternaĵo: tempe Dio permesis, ke ili ekzistu, sed Li tute ne volas, ke ili daŭradu eterne. Dia volo estas ja klara: ke ĉiuj estu unu! Tial post la ĝisnuna periodo de diferenciĝo kaj partumiĝo devas veni la periodo de l'kristana unuiĝo kaj tutiĝo. Tiu ĉi lasta proceso estas tiel same en Dia plano, kiel la proceso ĝin antaŭirinta.

Bedaŭrinde la Dia volo, ke ĉiuj estu unu — restadis ĝis nun de l'kristanoj nesufiĉe komprenita kaj neplenumita. Anstataŭ esti fratoj

---

*) Jen estas la teksto de tiu ĉi rimarkinda letero, presita en la 24-a n-ro de „Espero katolika":
Publika letero al ĉiuj pastroj kristanaj, katolikaj, protestantaj, rusortodoksaj, grekaj, armenaj k. c.

Karaj fratoj en Kristo.

En la neforgesebla kongreso de Boulogne mi deziris, en toasto, la unuiĝon de la diversreligianoj per Esperanto. La deziroj estas vanaj, se ili ne eksteriĝas en realecon per agoj. Hodiaŭ mi proponas al vi ekrealiĝon de tiu deziro, entuziasme akceptita kaj aplaŭdita de la ĉeestintoj kongresanoj en Boulogne.

Ŝajnas al mi, ke la unua paŝo farinda estas la reunuiĝo de la kristanaj religioj. Multaj kredoj, preĝoj, esperoj, estas komunaj al ĉiuj kristanoj. Nur malmultaj punktoj estis, en estinto jam malproksimega, kauzoj de malunuiĝo inter ili.

Ĉu vi ne pensas, ke nun alvenis tempo, kiam oni povas paceme, unuiĝeme kaj frate kun animo tute senigita de l'tiamaj pasioj, ekzameni tiujn malnovajn malkosentojn?

Ĉu ne io mirinda, bedaŭrinda, malaperinda, ke disķiploj de tiu, kiu ordonis: „amu vin reciproke", daŭrigas sin reciproke malami pro malpacoj alvenintaj antaŭ kelkaj jarcentoj! Ni ĉiuj deziras alvenon de Krista regno; ni ĉiuj laboradas por morala progresado de homidaro; ni ĉiuj estas pretaj oferi niajn tutajn fortojn, nian tutan vivon, por tiuj noblaj celoj. Kial do ni pli longe restus malunuigitaj, ĉiuj aparte laborantoj, rifuzante koni kaj helpadi la laborojn de l'alia?

Mi hodiaŭ kun sincereco plej vera, kun koro esper—kaj amoplena, faras unuan paŝon por iri renkonte al vi, kaj por al vi proponi interparoladon amikan pri niaj sanktaj priokupoj

Vi amike min akceptos, ĉu ne? kaj nia unuiĝo estos ja la plej glora kaj fruktodona venko de Esperanto!

Unue devas unuiĝi la Esperantistaj pastroj kristanaj, por kune studadi la demandon kaj difini la rimedojn uzindajn por atingi la celon. Mi esperas, ke la pastroj en ĉiuj kristanaj religioj respondos mian alvokon, sendante al mi sian nomon kaj aliĝon al ideo de unuiĝo.

Eĉ se ni estos nur deko, nur trio... mi promesas, ke mi de nun neniam forlasos tiun grandan celon.

Kiam unuiĝemaj pastroj sin konos reciproke, per publikigo en E. K. de la aniĝantaro, ni pensos pri la dua paŝo farota.

Mi atendas vin, fratoj...

Em. Peltier, Dir. de E. K.

en Kristo, ili fariĝis malamikoj pro Kristo. Zorgante nur pri la kredo ili strange forgesis pli grandan virton — la amon. Oni celadis la unuiĝon en kredo, forgesante, ke ĝin devas antaŭiri la unuiĝo en amo. Sen amo estas neebla unuiĝo de homoj, kiel sen fajro fortika — la unuiĝo de metaloj. Ju pli varma estos nia reciproka amo, des pli facila estos nia unuiĝo, des pli granda estos nia forto. Nune estante dividitaj, ni estas tute malfortaj rilate al religiuloj nekristanaj, ĉar al prediko de niaj misiistoj — ĉiu hebreo, mohametano aŭ idolisto prave ja povas diri: ni vin aŭskultos, kiam vi mem plenumos la ĉefan ordonon de via Majstro pri unuiĝo; nune do per via reciproka dividiĝo vi nur al ni montras, ke via religio estas neplenumebla kaj tial malvera. Ni ne volas kun vi disputi; por ni sufiĉas la fakto, ke vi kristan instruon aŭ ne komprenas, aŭ ne plenumas, ĉar alie vi estus unu kaj instruus same, kion ni nune ĉe vi ne trovas.

Kaj kion ni povas respondi al tiuj ĉi riproĉoj? Nenion! Tial se ni ne volas esti mokataj de l'nekristanaro, ni devas peneme ekkomenci la zorgon pri nia unuiĝo. Sed kiamaniere?

Vi francoj bone diras: „tout comprendre c'est tout pardonner". Kaj efektive el maldeziro ĉion kompreni devenis maldeziro ankaŭ ĉion reciproke pardoni kaj la rezulto de tiu ĉi maldeziro estis la divido de l'kristanaro en tri grandajn ĉefajn partojn: katolikan, ortodoksan kaj protestantan. Tial la unua kaj ĉefa devo de l'nuna kristanaro estos — penadi ĉion kompreni. Sed ĉu ni povas „ĉion" kompreni? Kial ne? Ni ja ne vane havas la saĝon.

Kiel ni supre montris la kristanaron dividis la unuflankeca celado al la Eklezia idealo. Por la parto katolika, preninta kiel ĉefan principon la autoritaton, la Eklezia idealo montriĝis en la absoluta monarĥia unueco. Por ĝin atingi oni laboradis dum la jarcent, fortikigante la centran potencon de Roma ĉefepiskopo. La parto orientortodoksa, opiniante, ke la Eklezia unueco devas esti bonvola, nedeviga, proklamis la principon respublikan de absoluta sendependeco inter apartaj nacioj eklezioj. Laŭ tiu ĉi principo la idealo de Eklezio estas realiĝinda nur per la unueco sin fondanta ne sur la forto de leĝo, sed sur la fortego de amo. Fine la protestanta parto, defendante la rajtojn de saĝo kaj de homa individueco ekprotestis kontraŭ la principo de absoluta aŭtoritato kaj penis fondi la idealon de Eklezio sur la absoluta persona libereco en la kredesploro.

Antaŭ jarcentoj oni povis dubi kaj disputadi pri kristaneco aŭ nekristaneco de supre diritaj tri ĉefaj principoj. Sed nune . . . kiu ja ekkuraĝos opinii, ke la religia aŭtoritato estas absolute malnecesa, aŭ ke la eklezia sendependeco absolute kontraŭas al Krista instruo, aŭ ke la libera serĉado de religia verajo absolute kondukas al la krederaroj?! Kontraŭe hodiaŭ ĉiuj kristanaj pensistoj pli aŭ malpli klare konfesas, ke malbonaj kaj forjetindaj estas ne religia autoritato, ne eklezia sendependeco, nek libera kredesploro, sed nur iliaj malbonuzoj.

La libera kredesploro, se ĝi estas vere libera, ligita per nenia antaŭjuĝo, povas la protestantaron libere alkonduki al la akcepto de la deva aŭtoritato en religiaj demandoj kaj tiamaniere elmontri la neceson de nova reformo por la protestanta eklezio. Simile la vera eklezia sendependeco, se ĝi estas efektive vera, ligita per nenia antaŭjuĝo, ne esceptas la eblon de libera unuiĝo kaj de komuna religia vivo inter la orientortodoksaro kaj du aliaj kristanaj ĉefpartoj. Fine kaj la ĉefa autoritato Eklezia, tute nekunigebla kun malbonuzoj de malĝusta sendependeco kaj libereco en la kredesploro, estas plene konsentigebla kun vera sendependeco de apartaj eklezioj kaj vera libereco de kredesploro, dank' al la principo de S. Aŭgustino: Ama Deum et fac quod vis — vi amu la Dion kaj faru, kion ajn vi ekvolos!

Vi francoj diras: „tout est juste à sa place" — kaj estas pravaj. Uzante tiun vian nacian diron, mi kuraĝas ankaŭ ekdiri: ĝustaj estas ĉiuj tri ĉefprincipoj kristanaj kaj de ĉefa eklezia aŭtoritato, kaj de eklezia sendependeco kaj de libera kredesploro, sed en siaj ĝustaj limoj.

Tial, laŭ mia opinio, se oni volas ĝuste solvi la demandon pri la unuiĝo de l'kristanaro kaj trovi la ĝustan vojon por tiu ĉi unuiĝo, oni devas trovi kaj difini la supredirітajn ĝustajn limojn de tri ĉefaj kristanoj principoj, pri kiuj mi ĵus parolis. Sed kiu kaj kiamaniere ilin povas trovi? jen estas alia granda demando.

La glora Plato sur la pordo de sia lernejo estis metinta la surskribon: neniu, geometrion nescianta, tien ĉi eniru! Kaj li estis prava, ĉar nescianta geometrion t. e. nealkutimiĝinta al preciza scienca pensado, ne estas sufiĉe kapabla por sin utile okupi per filosofiaj demandoj. Ion similan oni povas ankaŭ diri pri la personoj, volantaj sin okupadi per la demando pri la unuiĝo de l'kristanaro. Ĝi estas demando tre vasta kaj tre malfacila. Por gin solvi, oni devas „ĉion kompreni kaj ĉion pardoni". Tial imitante Platon, vi povas meti sur vian revuon la surskribon: Neniu kun mallarĝa saĝo kaj mallarĝa koro tien ĉi envenu!

Dezirante plej varme, ke vi trovu inter la alvokitaj kristanaj pastroj la plej grandan nombron de pastroj esperantistaj, liberaj de saĝmallarĝeca malsano kaj tial kapablaj ĝuste solvi aŭ almenaŭ prepari la ĝustan solvon de la plej grava nuntempa demando pri la fina unuiĝo de l' kristanaro, mi restas je vi kun vera estimo kaj kunfrata saluto.

Via en Kristo

*P-ro A. Dombrowski.*

1. IV. 06.
S.-Peterburgo.

---

## Sub la prezido de D-ro Zamenhof.

# DUA UNIVERSALA KONGRESO

### EN ĜENEVO

— (de la 28-a de Aŭgusto ĝis la 6-a de Septembro 1906) —

UNUA CIRKULERO DE LA LOKA ORGANIZA KOMITATO.

**Programo de l' kongreso.**

| | | |
|---|---|---|
| Mardon | 28 Aŭgusto, | vespere: Oficiala Malferma Ceremonio kaj Koncerto. |
| Merkredon | 29 „ | matene: Preparaj Kunvenoj,<br>posttagmeze: I-a Ĝenerala Kunveno,<br>vespere: Teatra Vesperfesto. |
| Ĵaŭdon | 30 „ | Ŝipveturado sur la Lemana Lago, kun oficiala Festeno en Veven (Festenkarto: 5 frankoj). |
| Vendredon | 31 „ | matene: 2-a ĝenerala Kunveno,<br>posttagmeze: Akcepto ĉe l'Parko de S-roj Thudicum, en „La Châtelaine",<br>vespere: Balo. |
| Sabaton | 1 Septambro: | posttagmeze: 3-a ĝenerala Kunveno,<br>vespere: Oficiala Ferma Ceremonio kaj Koncerto. |
| 3, 4, 5 Septembro: | | Vojaĝo tra Svisujo: Géneve, Montreux-Oberland, Spiez, Interlaken, Mürren, Berne, Genève. |

VERDA KARTO (Fr. 10). Oni de nun povas aĉeti la oficialan kongreskarton kiu kostas 10 frankoin kaj donas rajton senpage ĉeesti kaj voĉdoni en ĉiuj kunvenoj de la kongreso, partopreni je ĉiuj festoj (ankaŭ je la ŝipveturado sur la lago) ricevi ĉiujn necesajn dokumentojn por la diskutoj kaj laboroj de l'kongreso kaj la adresaron de l'kongresanoj.

BLANKA KARTO (Fr. 5). Ĉiu persono jam posedanta 10-frankan verdan karton havos rajton aĉeti por la anoj de sia familio unu, du tri aŭ maksimume kvar blankajn kartojn, kiuj kostas Fr. 5 kaj donas samajn rajtojn kiel la verdaj kartoj, esceptinte la rajton voĉdoni kaj ricevi dokumentojn kaj adresaron.

---

**Konkurso pri afiŝoj, poŝtkartoj.**

Por havi plej arte ilustritan afiŝon, la loka Organiza Komitato malfermas konkurson inter la esperantistaj artistoj. La formato de l'afiso estas: 1m.×1m. 30. La konkursantoj devos

rezervi grandan lokon tra la desegnaĵo, sufiĉan por la posta surpreso de la teksto: dua universala kongreso de esperanto, programo, k. t. p. La ilustraĵo povos esti du aŭ tri-kolora. Ĉiuj, kiuj deziras partopreni en la konkurso, devas sendi sian projekton al la Oficejo de la kongreso antaŭ la 20-a de Majo, skribinte sur la dorso de sia projektfolio ian devizon kiun ili reskribos sur fermita koverto entenanta iliian nomon kaj precizan adreson.

**Premia da 50 frankoj**

estos donata al la aŭtoro de la akceptota projekto. La desegnaĵo povos utili ankaŭ por kongresa poŝtkarto.

---

**Ekspozicio.**

Granda ekspozicio estos organizata, ĉiuj esperantistaj grupoj estas petataj sendi kiel eble plej multajn dokumentojn al la kongresa oficejo. Specialan cirkuleron petu la interesatoj.

---

Aliĝojn, monon, korespondaĵojn, k. t. p., unuvorte ĉion, kio kocernas la kongreson oni sendu nur al la:

**Kongresa oficejo, 15 Quai de l'Jle Genève.**

---

2-a cirkulero baldaŭ sciigos pri loĝado, vojaĝo, teatraĵoj, balo, k. t. d.

En Ĝenevo la 2-an de Aprilo 1906.

Je la nomo de la LOKA ORGANISA KOMITATO:

La ĝenerala sekretario: **Edmond Privat.** La sekr. komisiita al la gazetaro: **H. Hodler.**

---

## Maj'—printempo venas...

(Malfacila sonĝo).

Jam venas Maj' printempo ĉarma,
Viviĝas dorma kor', esper',
Sub suna bril' venteto varma
Alportas vivon al la ter'.
Vekiĝas penso, ago—ĉie
Sincera sonas ĝojo, gaj',
Birdetoj kantas harmonie—
Jam venas Maj'...

Jam venas Maj'... ho, patro mia,
Nur unu Vi ne ĝojas kun?
Ho, kial do en koro Via
Ne degeligas dubon sun'?
Jen ĉiu estas esperanta,
Vi sola restas en malgaj'?
Vi sola estas nur—dubanta
Je ĝoja Maj'?...

— Ho, kara fil' mi ĝojis ĉiam
Je la viviga Maja ven'...
Mi havis sonĝvidaĵon iam
Kaj mi malĝoja estas jen.
Terura sonĝvidaĵo tiu
Trifoje, ho, vekadis min.
Vi volas sci'?.. ho, eksciu,
Aŭskultu ĝin.

Aperis la grandegulo
(Oni lin nomas—Reakci')
Kun monstra hidro-centkapulo
Per paf' kaj glav' batalis li.
Glavego celas kaj pafilo,
Senhalte tondras paf' post paf',
Centkapon falĉas mortigilo—
Nenia sav'!..

Faladas kapo... dua, tria
Sub granda man' de l'grandegul'
Sed elkreskadas tuj—alia
El monstra trunk' de l'centkapul'.
La grandegul' furioziĝas...
Denove celas mortigil',
Denove glavo jen leviĝas...
Ho, mia fil'!..

Ho, fil'! ĉe tiu ĉi ekcelo
Mi vekiĝadis tuj kun kri'!—
Falegis kapo—Via bela,
Ho, solinfano! . falis Vi!!..
Kaj jen min premas nune ĉiam
Malĝoj' senlima kaj malgaj',
Ne ĝojas patra kor' de tiam
Je l'ven' de Maj'...

**Fez.**

---

# Fji... fji... fji...

(najtingala trilo).

Antaŭ fenestr' de mia dom'
Grandaĝa staras arbo.
Kiel de temp' ĝibita hom'
Kun verdfolia barbo.
Griza de musk' al ĝi benket'
Alpremas sin tremante.
Kaj najtingala tilkantet'
Sonadas revigante...
Ho, najtingalo! Via kant',
Dolĉega Via trilo
Estas por mi, ho, kiel brand',
Konstanta revigilo!..
Kantu, ekkantu Vi por mi
Pri mia knabineto
Ĉu ŝi memoras?.. Fji... fji... fji...

Ektrilis la birdeto ..
Ho, antaŭ jar' en tiu lok'
Duope ni sidadis,
Sub najtingala ĉarma vok'
Senzorge petoladis.
Fine disigis ambaŭ nin
La sorto senkompata.
Ho, ĉu sopiras tie min,
Vi, mia koramata?..
Ho, najtingal' kredeble Vi
Ŝin vidis en urbeto?
Ĉu ŝi min amas?... Fji... fji... fji...

Ektrilis la birdeto...
Sur la benketo ŝin kun pi'
Alpremis mi tremantan,
Kun najtingal' ni ĉiuj tri
Ĝuadis amokanton.
Ĵur's ni ambaŭ ĝis la fin'
De l'vivo esti kune.
Kie Vi estas, amatin',
Ĉe kies brusto—nune?..
Ho, najtingal' kredeble Vi
Ŝin vidis en urbeto?
Diru, ho, diru!.. Fji .. fji... fji...

Ektrilis la birdeto...
Eble?.. sed ne, al la satan'
Neniam ŝi ekcedos!
Ŝin ne atingos lia man'—
Mi kredis, kredas—kredos!
Jes, najtingal', sendube—jes—
Ĉesigu trilon Vian!
Ŝia dolĉega korkares'
Atendas sole—mian.
Ho, najtingalo, diru—Vi
Ŝin vidis en urbeto!..
Diru, ne moku!.. Fji... fji... fji...

Ektrilis la birdeto...
Ho, najtingalo!—Via vok',
Malgaja trilo Via
Sonas hodiaŭ—kiel mok'
De l'amo, kredo mia!..
Se min perfidas la knabin',
Se ĵuron ŝi forgesas,
Se en urbeto—kiel min -
Alian nun karesas!..—
Ho, ne ekscitu trile min
En mia korsufero!..
Kune kun ŝi, ho, ambaŭ Vin
Forprenu Vin – infero!!...
Plende ekkantis la birdet'
Kaj flugis for trilanta...
Mi sola restis sur benket'—
Sen amo kaj sen kanto...

**Fez.**

# La Pariza Sorbono.

La Parizo Sorbono estas Scienca Trezorejo kaj Templo, kiu ĉiu povas ĉerpadi libere kaj senpage la veron. Ĝi estas la ejo de la Literatura kaj de la Scienca Fakultato. Viroj kaj virinoj, junuloj kaj maljunuloj, francoj kaj alilandanoj, ĉiuj klopodeme frapas al la pordo de tiu templo kaj al ĉiuj ĝi gastame malŝlosiĝas. Sed samtempe kun la liberaj kursoj ekzistas „konferencoj" (specialaj neliberaj kursoj), partopreni en kiuj povas ĉiuj „studentoj", pagintaj po 30 frankoj jare. Tia unujara studentiĝo rajtigas fremdulojn ekzameniĝi por la „Atesto pri Franca Studado", kiu postulas bonan konon de franca lingvo kaj aŭdintecon de tri universitataj kursoj. Tiu diplomo allogas multajn fremdulojn en la Sorbonon, kiuj per sia ĉiea diverslingva parolado faras la Sorbonon kosmopolitaĵo; la duono de la fremduloj estas rusoj.

La tria grado da' aŭskultantoj estas la „enskribitoj" (prezentintaj Francan Abiturientan Diplomon aŭ ricevintaj „egalvalorajon" je la sialanda; tio kostas 130 fr.); ili celas la „licencon", kiu paralelas al la rusa „ŝtata ekzameno" kaj estas atingebla ankaŭ de la virinoj. La literatura licenco postulas sukceson en 4 skribaj kaj 7 parolaj ekzamenoj (kiuj okazas dufoje jare). Oni povas elekti ian specialan ekzamenaron, ĉu klasikan, ĉu historian, ĉu filozofian, ĉu lingvan. Sed oni specialiĝas de la unua jaro kaj, ŝajnas al mi, tiu ĉi specialeco estas malbona flanko ĉe l'Pariza studado, ekz. kiu studas lingvojn ne studas (aŭ ne devas studi, kio ofte estas egalaĵo) filosofion, kiu preparas filozofian ekzamenaron ne tuŝas historion. Tiu specialigemo ekzistas eĉ en la supraj klasoj de la „liceoj" (gimnazioj). Oni konsideras la licencon kiel rimedon por povi instrui, sed ne por ricevi universalan kleron. Efektive, la licenco, krom la plezuron presigi tiun titolon sur vizitkartoj donas la rajton instrui en la provinco.

La profesoroj mem kvazaŭ preparas la studentojn al la ekzamenoj, klarigante la verkojn konotajn de l'ekzamenatoj kaj farigante ilin kompoziciojn („disertaciojn") kaj tradukojn, kiuj estas eĉ taksataj (oni taksas ĝis 20, la mezo de l'eksamenaj notoj devas esti 10). Dum la literatura licenco postulas unu jaron, la scienca necesigas tri, konsistante el tri ekzamenaroj. Post la licenco estas akirebla l'„agregacio" (konkursa ekzamenaro por povi instrui en Parizo) aŭ la „doktoreco" (la rusa „magistreco"—ĝi postulas nur specialan disertacion nomaton tie ĉi „thèse").

La kursoj men estas sufiĉe diversspecaj kaj ofte (precipe la liberaj) interese farataj. La amfiteatroj (kun belaj afreskaj pentraĵoj) estas ĉiam plenaj. La legadoj daŭras po unu horo kaj okazas unufoje semajne, sed, bedaŭrinde, kvankam neeviteble, la horoj de kursoj de sama fakultato kaj eĉ de sama fako kunfalas.

La Universitato estas nur sciencejo. Tial en ĝi ne ekzistas ia studenta loĝejaro aŭ eĉ manĝejo (la studentoj iras apudajn restoraciojn de 12-a ĝis 1-a horo, kiam ne estas kursoj); tial la studentoj neniam eĉ pensas pri uzado de Universitato por politikaj aŭ socialaj celoj. La disciplino, la ordo estas grandaj, precizemaj. La studentoj laboras vere la tutan jaron instigataj per la plenumotaj skribaĵoj kaj per la ebla unujareco de studado por atingi la diplomon. Tamen pli ol tri kvaronoj uzas plian tempon. En la Universitato ne ekzistas kluboj kaj rondoj (krom „Ĝenerala Studenta Asocio" sen speciala programo kies membriĝo kostas 18 frankojn kaj kies ancj tial estas malmultaj). La francoj ŝajnas ne ami intime kunligiĝi, se oni volas kungrupiĝi oni iras kutime kafejon. En Franclando la strata vivo superas la intiman eĉ en la Universitato.

**G. Kolowrat.**

# Esperantista Movado.

**Австрія.** На празднествѣ, бывш. въ дни карнавала въ Вѣнѣ, въ вокальномъ союзѣ „Schubertbunt", участвовала международная костюмированная группа „Esperanto", обратившая на себя всеобщее вниманіе пестротою нарядовъ, оригинальными танцами, постановкою театр. пьески: „Esperanto kiel deus ex machina", шутками и бѣглою эспер. рѣчью. Заинтригованная публика тутъ же раскупала эспер. пропаг. листки, брошюры и книги. Основались эспер. группы въ Sanok и Reichenberg и кружокъ въ Ĉ. Budejovica. Формируется группа въ Prostejov.

**Aŭstrujo.** En la festeno, estinta dum karnavalo en Vieno, en vokala ligo „Shubertbund", partoprenis internacia kostumigita grupo „Esperanto", altirinta la tutan atenton per multkoloreco de vestaĵoj, originalaj dancoj, aranĝo de teatra pieso—„Esperanto kiel deus ex machina", - ŝerĉoj kaj rapidflua esperanta parolado.

Ekintrigita publiko tie-do disaĉetadis esper. propag. folietojn, broŝurojn kaj librojn. Fondiĝis novaj esper. grupoj en Sanok kaj Reichenberg kaj rondeto en Ĉ. Budejovica. Formiĝas grupo en Prostejov. Sub red. de S-ro

Подъ редакціею г. H. Alferi выйдетъ въ свѣтъ на яз. эспер. приложеніе къ возобновляемому г. Th. Čejka эспер. журн. „Česky Esperantista" № 1 новаго эспер. журн. „Pedagogia Revuo", посвященный школьному вопросу. Въ Graz студентъ R. Pettera пропагандируетъ яз. эспер. между послѣдними волапюкистами, выпускающими здѣсь свой органъ „Valapükabled Lezenodik". Вѣнская газ. „Die Zeit". проситъ свѣдѣній объ эспер. движеніи для фельетоновъ. Успѣшно произнесена рѣчь о яз. эспер. въ Brünn, въ Стенограф Союзѣ „Gabelsberger". Въ томъ же городѣ эспер. курсы посѣщаются многими высокопоставленными лицами. Торговая газ. „Obchodni Listy" помѣстила обстоятельную ст. объ эспер. движеніи и печатаетъ курсъ яз. эспер.

H. Alferi aperos en l-vo esperanto, kiel aldono al renovigata de S-ro Th. Čejka eldono de esper. ĵurnalo „Česky Esperantista" № 1 de la nova ĵurnalo „Pedagogia Revuo", dediĉita al klerigada demando. En Graz studento R. Pettera propagandas l von Esperanto inter lastaj volapukistoj, eldonantaj tie ĉi sian organon „Volapükabled Lezenodik". Viena gaz. „Die Zeit" petas sciigojn pri esp. movado por siajü felietonoj. Sukcese estis dirita parolado pri l-vo esper. en Brünn, en Stenografia Ligo „Gabelsberger". En la sama urbo esper. kursojn vizitas multaj altrangaj personoj. Komerca gazeto „Obchodni Listy" enmetis detalan artikolon pri esper. movado kaj presas esperantan kurson.

**Алжиръ**. Г. J. Jamar, членъ мѣстн. эспер. группы и владѣлецъ гостинницы „Оазисъ" (Alger, Boulevad de la Republgue) предлагаетъ посѣтителямъ чтеніе эспер. газетъ и журналовъ.

**Alĝerio**. S-ro J. Jamar, membro de loka esper. grupo kaj posedanto de hotelo „Oazo" (Alger, Boulevard de la Republique) proponas al vizitantoj la legadon de esper. gazetoj kaj ĵurnaloj.

**Англія.** По докладу О-ва въ Keighley яз. эспер. одобренъ совѣтомъ Нар. Просвѣщенія (Board of Education); командированный на эспер. курсы инспекторъ нашелъ яз. достойнымъ правительств. поддержки. Основались эспер. группы въ Norwood, Egham и Staines. По иниціативѣ г. C. Pearson въ Newcastle-on-Tyne вскорѣ начнетъ функціонировать соціалистическая эспер. группа. Членъ Совѣта Министровъ, Секретарь по дѣламъ Ирландіи, д-ръ J. Bryce (Брайсъ) на запросъ о яз. эспер. отозвался о немъ съ необыкновеннымъ энтузіазмомъ, выразивъ при этомъ желаніе видѣть преподаваніе его въ правит. учебн. заведеніяхъ. Читаются эспер. курсы въ Liverpool, Shrewsbury, Manchester и Edinburgh. Объ эспер. произнесены рѣчи въ Blackpool, Egham и въ Королевскомъ философск. О-вѣ передъ многолюдн. собраніемъ въ Глазговѣ. Эспер. преподается въ Cambridge чинамъ мѣстн. полиціи и изготовляется на этомъ яз. спец. для нихъ дѣловая книга. Д-ръ F. Greenwood въ Лондонѣ опубликовалъ свою систему междунар. яз. „Ekselsioro" и предпринимаетъ на немъ серію изданій. Сомнительно, однако, что эта слабая попытка будетъ имѣть будущность. Г. H. Southcombe (The Park, Yeovil, England) при-

**Anglujo**. Laŭ la raporto de S-to en Keighley l-vo Esperanto estis aprobita de Nacia Edukada Konsilantaro (Board of Education); sendita al esper. kursoj inspektoro trovis tiun l-von inda de registara subteno. Fondiĝis esper. grupoj en Norwood, Egham kaj Staines. Laŭ iniciato de S-ro C. Pearson en Newcastle-on-Tyne, baldaŭ komencos funkciadi socialista esper. grupo. Membro de Konsilantaro de Ministroj, Sekretario por aferoj pri Irlando, d-ro J. Bryce (Brajs) al demando pri l-vo esperanto respondis pri ĝi kun neordinara entuziazmo, espriminte la deziron vidi instruadon de ĝi en regnaj lernejoj. Oni legas esp. kursojn en Liverpool, Shrewsbury, Manchester kaj Edinburgh. Pri esper. estas diritaj paroladoj en Blackpool, Egham kaj en Glasgov, en Reĝa Filozofia S-to antaŭ multenombra kunveno. L-von esperanton oni instruas en Cambridge por loka policistaro kaj pretiĝas en tiu l-vo por ili speciala libro d'aferoj. D-ro F. Greenwood en London publikigis sian sistemon de l-vo internacia „Ekselsioro" kaj entreprenas en ĝi la serion de eldonoj. Nenia estas dubo, ke tiu ĉi malforta provo havos nenian estontecon. S-ro H. Southcombe (The Park, Yeovil, England) invitas esperantistojn el tuta mondo daŭrigi la elsendadon al li la priskribojn de fajrkutimoj.

глашаетъ эсперантистовъ всѣхъ странъ продолжать высылку ему описаній обрядовъ огня.

Въ Leeds въ Апрѣлѣ состоится эспер. выставка. „La Esperanta Studento" (16 Upper Westbourne, Villas Hove, Sussex, England) приглашаетъ къ сотрудничеству студентовъ. Въ Лондонѣ скончался извѣстн. эспер. A. Motteau, переводчикъ „Ventego" Шекспира, „Ŝi kliniĝas por venki" Гольдшмидта и проч. The Vixol Syndicate (304, Brixton Hill, London S. W.) рекомендуетъ эсперантистамъ радикальное средство противъ астмы. The Tandem Smelting Syndicate Limited въ Лондонѣ принимаетъ корресп. на эспер.

**Бельгія**. Яз. эспер. продолжаетъ успѣшно распространяться въ этой странѣ, въ особенности, среди учителей. Посвященныя школьному дѣлу газ. „Le Journal des Instituteurs", „L' Instituteur Belge", „De Nationale School" и другія постоянно трактуютъ объ эспер. и, въ первой изъ нихъ, даже помѣщенъ полный курсъ этаго яз., причемъ редакція приглашаетъ эсперантистовъ къ сотрудничеству (E. Mathys fils, instituteur à Louvain, Belgique). Вышелъ уставъ Междунар. Бюро Педагогич. Союзовъ, отпечатанный на 5 яз., въ томъ числѣ на эспер. Политическая пресса: „La Metropole", „Le Peuple", „La Chronique" и др. газеты весьма интересуются разростающимся эспер. движеніемъ. „La XX-e Siècle" регулярно печатаетъ ст. на яз. эсперанто, доставл. эсперантистами (L. Blanjean, 83 Rue du Collège, Ixelles, Belgique). Основались эспер. группы въ Duffel, La Plante и формируются въ Huy и Westmalle. Читаются эспер. курсы въ Kortrijk, Laeken, Courtrai, Spa, Duffel и Antverpen, а также въ Lierre. Въ Брюсселѣ умеръ энергичный эспер. J. Vermeiren. №№ 3 и 4 журн. „La Belga Sonorilo" вмѣщаютъ на обложкахъ интересныя каррикатуры.

**Болгарія**. Въ Gara Levski, по инициативѣ г. H. Rjahovski, сформировалась редакція „Tutmonda Proverbaro", приглашая сотрудниковъ для осуществленія этого эсперантскаго изданія. Г. J. Davidov (Silistria) готовитъ къ изданію эспер.-болгарскій словарь. Въ Софіи возобновились эспер. курсы. Эспер. группа „Vekiĝo" въ Шуменъ, го-

En Leeds en Aprilo efektiviĝos esper. ekspozicio. „La Esperanta Studento" (16, Upper Westbourne Villas Hove, Sussex, England) invitas la studentojn kunlaboradi. En Londono mortis konata esp. A. Motteau, tradukinto de „Ventego" de Ĉhekspir, „Ŝi kliniĝas por venki" de Goldsmith kaj cet. The Vixol Syndikate (304 Brixton Hill, London S. W.) rekomendas por esperantistoj radikalan kuracilon kontraŭ astmo. The Tandem Smelting Syndikate Limited (97 Queen Victoria Street, London E. C.) akceptas korespondadon en esperanto.

**Belgujo**. L-vo Esperanto daŭras sukcese disvastiĝadi en jena lando, aparte, inter instruistoj. Dediĉitaj al instrua demando gaz. „Le Journal des Instituteurs", „L'Instituteur Belge", „De Nationale School" kaj aliaj ĉiam traktadas pri esperanto kaj, en la unua el ili, eĉ estas enmetita plena kurso de tiu lingvo kaj redakcio invitas esperantistojn por kunlaborado (E. Mathys fils, instituteur à Louvain, Belgique). Aperis regularo de Internacia Oficejo de Pedagogiaj Ligoj, presita en 5 lingvoj, en tiu nombro kaj en esperanto. Politika gazetaro „La Metropole", „Le Peuple", „La Chronique" kaj aliaj tre interesiĝas pri diskreskiĝanta esp. movado. „La XX-e Siècle" regule enpresas artik. en l-vo esper. liver. de esperantistoj (L. Blanjean, 83 Rue du Collège, Ixelles, Belgique). Fondiĝis esper. grupoj en Duffel kaj en La Plante kaj formiĝas en Huy kaj Westmalle. Oni legas esper. kursojn en Kortrijk, Laeken, Courtrai, Spa, Duffel kaj Antverpen, ankaŭ en Lierre. En Bruselo mortis energiema esper. J. Vermeiren. №№ 3 kaj 4 de ĵurn. „La Belga Sonorilo" enhavas sur kovriloj interesajn karikaturojn.

**Bulgarujo**. En Gara Levski laŭ iniciato de s-ro H. Rjanovski formiĝis redakcio „Tutmonda Proverbaro", invitante kunlaborantojn por efektivigo de tia esperantista eldono. S-ro J. Davidov (Silistria) pretigas por eldono esper. bulgaran vortaron. En Sofio renoviĝis esperantaj kursoj. Esper. grupo „Vekiĝo" en Ŝumen, preparante al Majo esperantan feston kaj eks-

товя къ маю эспер. праздникъ и выставку, проситъ эсперантистовъ о присылкѣ ей разл. эспер. документовъ, писемъ и проч. Вышелъ № 4 журн. „Unua Paŝo".

**Боливія.** Эспер. о-во сформировалось въ La Paz. Предсѣд. выбранъ V. Munoz y Reyes, Секретаремъ — D. Canedo

**Венгрія.** Эспер. группа въ Brasso (Kronstadt) открыла эспер. курсы и готовитъ къ изданію эспер. учебникъ для румынъ. Въ Praha-Smichow основался эспер. студенч. кружокъ и курсами руководятъ г.г. Bouŝka и Chaloupka. Кружокъ готовитъ къ выпуску рукописный эспер. органъ. Стенограф. О-во въ Szeged единогласно постановило просить др. венгер. о-ва принять яз. эспер. для междунар. сношеній, печатать на немъ органъ междунар. Стеногр. О-ва и примѣнить эсперанто на Междунар. Стеногр. выставкѣ въ 1907 году въ Szeged. Успѣшную рѣчь объ эспер. произнесъ г. G. Kühn въ Somorja, въ военномъ клубѣ. Проф. O. Simon, изъ Ung. Hradisch, проэктируетъ день рожденія автора яз. эспер., д-ра Л. Заменгофа, 15 Дек. по новому стилю, установить оффиц. праздникомъ эсперантистовъ всего міра. Въ газ. „Bélyeg — Ujsag", „Szegedi Gyorsiro", „Nemzeti Iskola" и др. появились ст. объ эсперанто.

**Венецуела.** Выход. въ Каракасѣ газ. „El Dominical" содержитъ эспер. отдѣлъ подъ ред. г. G. Messerly.

**Гавайскіе Острова**. Выбывшая изъ Россіи въ Канаду секта духоборовъ, печатавшая корпоративно отъ имени своихъ 7500 членовъ замѣтки на яз. эспер. во франц. журн. „Concordia" и поддерживавшая со своими инсстр единомышленниками переписку на этомъ яз., переселилась нынѣ на Гавайскіе острова.

**Германія**. Въ Frankfurt a. M. основалась Техническая эспер. группа. Въ томъ же гор., въ франкъ-массонской ложѣ „Einigkeit", проф. Staudinger произнесъ успѣшно рѣчь объ эсперанто. Энергично работаютъ эспер. группы въ Eppan, Braunschweig и въ Wiesbaden. Въ Берлинѣ сформировалось Отдѣленіе мѣстн. Эспер. О-ва (M. Procop, Berlin W. 30, Pallastr. 17.) Ожидается открытіе эспер. группъ въ Bautzen, Bozen и въ Innsbruck. Рѣчи объ эспер. произнесены въ Hannover, Halle и

pozicion, petas esperantistojn sendi al ĝi diversajn esper. dokumentojn, leterojn kaj cet. Aperis № 4 de ĵurnalo „Unua Paŝo".

**Bolivujo**. Esper. S-to formiĝis en La Paz. Prezidanto estas elektita s-ro V. Munoz y Reyes, sekretario – D. Canedo.

**Hungarujo**. Esper. prupo en Brasso (Kronstatd) malfermis esper. kursojn kaj pretigas por eldono esper. lernolibron por rumanoj. En Praha-Smichow fondiĝis esper. studenta rondeto en kiu la kursojn gvidas s roj Bouŝka kaj Chaloupka. Rondeto pretigas elirigon de manskriba esper. organo. Stenografia S-to en Szeged unuvoĉe decidis peti la aliajn hungarajn s-tojn akcepti l-von esperanto por internaciaj rilatoj, presi en ĝi la organon de Internacia Stenografia S-to kaj uzi esperanton en Internacia Stenografia ekspozicio en 1907 jaro en urbo Szeged. Sukcesan paroladon pri esper. diris S-ro G. Kühn en Somorja, en militistara klubo.

Prof. O. Simon, el Ung. Hradisch, projektas naskotagon de aŭtoro de l-vo Esperanto, d-ro L. Zamenhof, 15 Dec. laŭ nova stilo, fari la oficialan festotagon por tutmonda esperantistaro. En gaz. „Bélyeg-Ujzag", „Szegedi Gyorsiro", „Nemzeti Iskola" kaj aliaj aperis artik. pri esperanto.

**Venezuelo**. Eliranta en Karakas gaz. „El Dominical" enhavas esper. fakon sub red. de G. Messerly.

**Havajaj Insuloj**. Foririnta el Rusujo en Kanadon sektantaro de „duĥoboroj", presanta ope de la nomo de 7500 membroj la notojn en l-vo esperanto en franca ĵurn. „Concordia" kaj subtenadinta kun alilandaj samideanoj korespondadon en tiu ĉi lingvo, translokiĝis nun je Havajajn Insulojn.

**Germanujo**. En Frankfurt a. M. fondiĝis Teĥnika Esp. grupo. En la sama urbo, en framasona loĝio „Einigkeit", prof. Staudinger sukcese diris paroladon pri esperanto. Energieme laboras esper. grupoj en Eppan, Braunschweig kaj en Wiesbaden. En Berlin formiĝis Filio de loka Esp. S-to (M. Procop, Berlin. W. 30, Pallastr. 17). Oni atendas malfermon de esper. grupo en Bautzen, Bozen kaj Innsbruck. Paroladoj pri esper. estis ditaj en Hannover, Halle kaj Frankfurt a M.: en Komerca Unuiĝo, Ligo de industriaj oficoj

Frakfurt a. M.: въ Komerca Unuiĝo, Ligo de industriaj oficoj и въ Unuiĝo de kristaj junaj viroj. Тамъ же, въ Франкфуртѣ г. Seitz съ 18 Марта устраиваетъ пропагандныя эспер. экскурсіи въ пригородномъ лѣсу. Кофейня Tauber вывѣсили красивый аншлагъ: „Esperantisia kunvenejo kaj Esperantistaj gazetoj". Подражая франкф. кофейнѣ эспер. группа въ Elbing, въ ресторанѣ при город. ратушѣ помѣстила печатныя воззванія: „Lernu Esperanton"! и, кромѣ того, снабдила ресторанъ тарелочками съ изображеніемъ эспер. звѣзды и надписью — „Lernt Esperanto! Internationale Hilfssprache". Кофейня Bauer въ Лейпцигѣ укрѣпила надъ входомъ эспер. вывѣску съ зеленою звѣздою. Д-ръ Molenaar, изъ Мюнхена, рекомендуетъ свою систему всемірнаго яз. „Panroman", представляющую, подобно др. системамъ, неудачную попытку замѣнить собою яз. эсперанто.

**Голландія**. Въ Гагѣ, въ собраніи въ „Ons Huis" проф. D. Uitterdijk произнесъ рѣчь о яз. эсперанто.

**Данія**. Г. Thorvald Kornerup, изъ Hjoering, разослалъ членамъ Lingva Komitato эспер. циркуляръ, предлагая реформу яз. эсперанто уничтоженіемъ значковъ надъ буквами.

**Испанія**. Предсѣдатель эспер. о-ва въ Валенціи, дивиз. генералъ Moncada, г.г. R. Gonzales, M. Monteagudo и др энергично пропагандируютъ эсперанто внутри страны, устраивая спец. экскурсіи по разл. городамъ. Основалась эспер. группа въ Tarancon и формируется въ Vigon. Эспер. курсы читаются въ Барселонѣ въ О-вахъ Progreso, Centro de Dependientes de Comercio и въ Ateneo Enciclopediko Popular. Произнесены рѣчи объ эспер. въ Academia Cientifica, Literaria, Recreativa de Santo Tomas. Въ Апрѣлѣ м-цѣ въ Bilbao на конгрессѣ о-въ испанской соціалист. молодежи будетъ затронутъ вопросъ о междунар. яз. Каталанскій журналъ „Joventut" временно пріостановленъ за ст. о каталонцахъ напис. редакторомъ этаго журн. г. Pujola въ венгерск. журналѣ „Esperanto" и перепечатанную затѣмъ въ англійской газетѣ „Daily News"; откуда въ переводѣ на испанск. яз. была перепечатана въ Мадридскій журналъ. Т. Pujola бѣжалъ и нынѣ проби-

kaj en Unuiĝo de kristaj junaj viroj. Tie do, en Frankfurto s-ro Seitz de la 18 Marto aranĝas propag. esper. ekskursiojn en apudurba arbaro. Kafejo Tauber pendigis belan anŝlagon: „Esperantista kunvenejo kaj esperantistaj gazetoj„. Imitante Frankfurtan kafejon, grupo esp-sta en Elbing, enmetis en restoracio ĉe urbdomo la deprisitajn alvokojn "Lernu Esperanton!" kaj, krom tio, provizigis la restoracion per teleretoj kun esperanta stelo kaj surskriboj „Lernt Esperanto! Internationale Hilfssprache". Kafejo Bauer en Leipzig metis super eniro la esper. elpendaĵon kun verda stelo. D-ro Molenaar el Munĥeno rekomendas sian sistemon de mondlingvo „Panroman", prezentantan, simile al aliaj sistemoj, malsukcesan provon anstataŭigi la l-von esperanto.

**Hollando**. En Haago, en kunveno, en „Ons Huis" prof. D. Uitterdijk diris paroladon pri esperanto.

**Danujo**. S-ro Thorvald Kornerup, el Hjoering, dissendis al membroj de Lingva Komitato esper. cirkuleron proponante reformigon de l-vo esperanto per malaperigo de supersignaj leteroj.

**Hispanujo.** Prezidanto de Valencia Esper. S-to, divizia generalo Moncada, S-roj R. Gonzales, M. Monteagudo kaj aliaj energieme propagandas esperanton interne de lando, aranĝante specialajn ekskursojn en diversajn urbojn. Fondiĝis esper. grupo en Tarancon kaj formiĝas en Vigon. Esper. kursojn oni legas en Barcelona en S-toj Progreso, Centro de Dependientes de Comercio kaj en Ateneo Enciclopediko Popular. Estas diritaj paroladoj pri esper. en Academia Cientifica, Literaria, Recreativa de Santo Tomas. En Aprilo monato, en Bilbao, en kongreso de societoj de hispana socialista gejunularo estos priparolita la demando pri internacia l-vo. Katalona ĵurnalo „Joventut", provizore haltigita pro artik. pri katalonoj, verk. de redaktoro de nomita ĵurnalo s-ro Pujola en hungara ĵurn. „Esperanto", kaj poste represita en angla gazeto „Daily News"; el la lasta en hispana traduko ĝi estis enmetita en Madridan ĵurnalon. S-ro Pujola forkuris kaj nun veturas insulon Kubo. Gaz. „El Liberal", „La Verdad" kaj aliaj

рается на о-въ Кубу. Газеты „El Liberal", „La Verdad" и др. постоянно помѣщаютъ прапагандныя ст. о яз. эсперанто.

**Италія**. Въ Бордигерѣ, въ помѣщеніи музея, г. Cl. Bicknell совмѣстно съ Г-жою Rosa Junck устроили концертъ, передъ началомъ котораго г. Bicknell обратился къ собравшейся публикѣ съ рѣчью о межд. яз. эспер. Находившійся временно на излѣченіи въ томъ же городѣ L. Beaufront, изд. журн. „L'Esperantiste", первый піонеръ яз. эсперанто во Франціи, энергичною и умѣлою пропагандою пробудилъ живой интересъ къ яз. эсперанто. Эспер. группа въ Римѣ издала иллюстр. откр. письма. Венеціанскій журналъ „Bolletino stenografico italiano" сдѣлался оффиц. органомъ флорентійской эспер. группы. О-во Италіанскихъ чиновниковъ въ Римѣ открыло эспер. курсы въ Лингвистическихъ Институтахъ. Свящ. J. Bianchini приглашаетъ сотрудниковъ для совмѣстнаго перевода свяш. Писанія на яз. эспер. Одобривъ этотъ проэктъ, франц. свяш. E. Peltier рекомендуетъ осуществить созданіемъ функц. между участниками рукописи, которая уже и приготовляется бельгійск. свящ. Servais (Servais p-ro kat. ĉe Basilides, pl. Leopold, 7, Namur, Belgique). Газеты: „Avvenire d'Italia", „Sula Scena" и „Il Cittadino Italiano" помѣстили ст. объ эсперанто.

**Мальта.** Въ г. Slima читаются курсы на яз. Эсперанто. Въ „Gazetta di Malto" и „Documenti umani" появились длинныя ст. о яз. эсперанто.

**Мексика**. Прекративъ по неимѣнію свободнаго времени редактированіе эсперант. журн. „La Meksika Lumturo", д-ръ A. Vargas приглашаетъ замѣстителя, знающаго испанскій языкъ; изданіе журнала матеріально вполнѣ обезпечено.

**Перу**. Вышелъ № 7 журнала „Antaŭen Esperantistoj".

**Россія**. По инипіативѣ г. Л. Станкевича въ м. Нова Брудно, Варшавской губ формируется отдѣленіе О-ва Эсперо. Въ Томскѣ яз эсперанто заинтересовался проф. Технологическаго Института В Обручевъ. Слѣдуетъ отмѣтить необыкновенно энергичную пропаганду эсперанто въ Тифлисѣ. Предсѣдателемъ Тифлисскаго Отдѣленія состоитъ генералъ Рѣшетинъ, членами коми-

ĉiam presas propagandan artikolojn pri esperanto.

**Italujo**. En Bordighera, en muzeo S-ro Cl. Bicknell kune kun Sr-ino Rosa Junck aranĝis koncerton, antaŭ kies komenco S-ro Bicknell sin turnis al amasiĝinta publiko kun parolado pri l-vo internacia Esperanto. Sin trovinta tempe por rebonigo de sano en la sama urbo s-ro L. de Beaufront, eld. de ĵurn. „L'Esperantiste" kaj la unua pioniro de l-vo esper. en Francujo, per energiema kaj lerta propagandado vekis por l-vo Esperanto la vivan intereson. Esper. grupo en Romo eldonis ilustritajn poŝtkartojn. Venezia jurnalo: „Bolletino stenografico italiano" fariĝis oficiala organo de Florenca esper grupo. S-to de Itala oficistaro en Romo malfermis esper. kursojn en Lingvistaj Institutoj. Pastro J. Bianchini invitas kunlaborantojn por traduki la sanktan Skribon en l-von esperanto. Aprobinte tiun projekton la franca pastro E. Peltier rekomendas efektivigi ĝin per funkcianta inter partoprenantoj manskribaĵo, kiun jam pretigas la belga pastro Servais (Servais p-ro kat. ĉe Basilides, pl. Leopold, 7, Namur, Belgique) Gaz. „Avvenire d'Italia", „Sula Scena" kaj „Il Cittadino Italiano" enmetis artik. pri esperanto.

**Malto.** En urbo Slima oni legas kursojn de l-vo esperanto. En „Gazetta di Malto" kaj „Documenti umani" aperis longaj artik. pri esper.

**Meksikujo.** Ĉesinte pro manko de libera tempo redaktadon de esper. ĵurnalo „La Meksika Lumturo", d-ro A. Vargas invitas la anstataŭiganton, konantan la hispanan l-von; la eldonado de ĵurnalo materiale estas tute garantiita.

**Perujo**. Aperis № 7 de ĵurn. „Antaŭen, Esperantistoj".

**Rusujo**. Laŭ iniciato de s-ro L. Stankeviĉ en urbeto Nova Brudno de Varsovia gub. formiĝas filio de S-to Espero. En Tomsk pri l-vo Esperanto ekinteresiĝis prof. de Teĥnologia Instituto V. Obruĉov. Oni devas noti eksterordinare energieman propagandadon de esper. de s-ro Avilov en Tifliso (Kaŭkazo). Prezidanto de Tiflisa Filio estas generalo Reŝetin, komitatanoj: prof. Avilov, Metaks, d-roj Fiŝer, Na-

тета: проф. Авиловъ, Метаксъ, д-ра Фишеръ, Науменко и офицеръ Кириченко. Еженедѣльно, по воскресеньямъ, эспер. курсы. Не менѣе успѣшно распространяется эспер. въ Харбинѣ. Обращаетъ на себя вниманіе крайне оригинальная вещь Л. Бельмонта на польск. яз. „Zabójstwo doktora Esperanto" (Убійство д-ра Эсперанто), помѣщ. въ Варшавской газетѣ „Kurjer Codzienny" за 1905 г. въ № 254—261 и его же переводъ въ стихахъ на польск. яз. съ яз. эсперанто Конгрессной молитвы Л. Заменгофа, помѣщ. въ той же газ. въ № 254. О-во „Эсперо" готовитъ къ изданію на яз. эсперанто „Маршъ Эсперантистовъ", слова Е Радванъ-Рыпинскаго муз. П. Карлсона, посвященный 2-му конгрессу эсперант. Въ маѣ въ СПБ. выйдетъ первый выпускъ справочнаго изданія „Звено Эсперантистовъ" изд. О-вомъ „Эсперо". Изданіе это могло осуществиться лишь благодаря только участію нашего энергичнаго сотрудника г. Радванъ-Рыпинскаго, который и будетъ заправлять имъ въ качествѣ редактора. Въ „Адресъ календарѣ г. Саратова" на 1906 г. помѣщено большое объявленіе объ Эсперанто и журн. „Ruslanda Esperantisto", чему О-во „Эсперо" обязано неутомимому пропагандисту и меценату Эсперанто, Г. Давидову.

(Д-р Аснес).

**Соединенные Штаты**. Изв. пропагандистъ яз. эспер. проф. Оствальдъ нынѣ покинулъ Америку и возвратился на родину, въ Лейпцигъ. Прибылъ на жительство въ Санъ Франциско уѣхавшій изъ Россіи, изъ Владивостока, во время безпорядковъ предсѣдатель мѣстн. отдѣл. О-ва Эсперо Инженеръ Ф. Постниковъ. Газ. „Public Ledger" и „The Atlantic Monthly" помѣстили ст. объ эспер.

**Турція**. По сообщенію журн. „Internationalis Concordia" (№ 132) страна эта намѣревается послѣдовать примѣру Болгаріи по изданію эспер. газеты „Esperanto".

**Филиппинскіе острова.** Многіе американскіе офицеры и чиновники гор. Манильи прекрасно изучили яз. Эсперанто и ведутъ на немъ оживленную переписку съ иностранцами.

**Финляндія**. Распространеніе яз. эспер. въ этомъ краю идетъ поразительно быстрымъ темпомъ, такъ напримѣръ основались но-

umenko kaj oficiro Kiriĉenko. Ĉiudimanĉe kursoj de esperanto. Ne malpli sukcese disvastiĝas tiu ĉi l-vo en Ĥarbin. Altiras atenton ekstreme originala verko de L. Belmont en pola lingvo — „Zabòjstwo doktora Esperanto" (Mortigo de d-ro Esperanto), enmetita en Varsovia gaz. „Kurjer Codzienny" por 1905 jaro en №№ 254—261 kaj lia do versa traduko en pola l-vo el esperanto „Kongresa preĝo" de L. Zamenhof, enmet. en sama gaz. en № 254. La S-to „Espero" pretigas la eldonon en l-vo esper.—„Marŝo de Esperantistoj" vortoj de E. Radvan-Ripinski, muz. de P. Karlson, dediĉita al la 2-a kongreso de Esperantistoj. En Majo aperos eldonata de S-to „Espero" la 1-a Serio de „Ĉenero Esperantista", kiu estos dissendata al ĉiuj membroj kaj korespondantoj de S-to „Espero". Tiu ĉi eldono povis efektiviĝi nur dank'al partopreno de nia energiema kunlaboranto S-ro Radvan-Ripinski, kiu direktados ĝin kiel redaktoro.

En „Adres-kalendaro de urbo Saratov" por 1906 jaro estas enpresita granda anonco pri Esperanto kaj pri ĵurnalo „Ruslanda Esperantisto", dank'al senlaca propagandisto kaj mecenato de l-vo esperanto, s-ro G. Davidov.

(D-ro Asnes).

**Unuigitaj Ŝtatoj**. Konata propagandisto de l-vo esperanto, prof. Ostvald nun forlasis Amerikon kaj revenis patrujon, en Leipzigon. Alvenis en San Francisko forveturinta el Rusujo, dum senordoj en Vladivostok, prezidanto de loka filio de S-to Espero, inĝeniero F. Postnikov. Gazetoj „Public Ledger" kaj „The Atlantic Monthly" enpresis artik. pri esperanto.

**Turkujo**. Laŭ komuniko de ĵurn.: „Internationalis Concordia" (№ 132) tiu ĉi lando intencas preni la ekzemplon de Bulgarujo en eldonado de gaz. „Esperanto".

**Filippinaj Insuloj**. Multaj amerikanaj oficiroj kaj oficistoj en urbo Manilla bonege ellernis l-von esperanto kaj korespondadas vigle en ĝi kun alilandularo.

**Finlando**. Disvastiĝado de l-vo esper. en jena lando iras per frapege-rapida marŝado, t. e. fondiĝis novaj esper. grupoj en Viborg,

выя эспер. группы въ Viborg, Tammerfors, Kemi, Jyväskyla, Suursaari и въ Karhula. Г. А. Stadius произнесъ объ эспер. успѣшную рѣчь въ Гельсингфорсѣ, въ финск. О-вѣ Негоціантовъ. Въ томъ же городѣ подготовляется Конгрессъ Эсперантистовъ. Мѣстная пресса: „Nya Pressen", „Hufvudstadsbladet", „Nuori Suomi", „Kauppalekti", „Virittaja", „Turum", „Sanomat" и мн. др. прекрасно отозвались о яз. эсперанто.

**Франція**. Предложеніе г. Hénaffe о введеніи яз. эспер. во всѣ учебныя заведенія г. Парижа принято сочувственно въ подлежащихъ сферахъ и возможно ожидать обученія этого яз. не только во всей Франціи, но одновременно и въ Англіи, гдѣ вопросъ этотъ разрѣшенъ въ пользу эсперанто Основались эспер. группы въ Sotevville, Creusot и клубъ юныхъ эсперантистовъ „Verda Stelo" въ Beaune. Въ Angers формируется эспер. рабочая группа. Въ Sens мѣстная эспер. группа устроила концертъ-балъ, а Версальская группа поставила спектакль. Въ Vincennes, Charenton, Reims и др. гор. эсперанто успѣшно преподается нижнимъ воинскимъ чинамъ. Гг. L. Beaufront, адв. Michaux и др. произнесли рѣчи объ эсперанто въ Hyères, Marseille, Aix, Lyon и Lens, причемъ въ Lens уже формируется группа. Presa S-to Esperantista въ Парижѣ приглашаетъ своихъ акціонеровъ получить слѣдуемыя имъ акціи, взамѣнъ выданныхъ квитанцій. Ред. журнала „Tra la Mondo", A. Montrosier, (8-bis Rue de l'Ecu d'or, Orleans, France) приглашаетъ для журн. сотрудниковъ изъ всѣхъ странъ по народному образованію. Г. Sentis въ Греноблѣ издалъ брошюру „Le Triomphe de l'Esperanto est—il certain". Г. G. Sagot (Fay-aux-Loges, Loiret) рекомендуетъ „L' Esperantine", особое средство противъ запора. Гг. E. Kroneau и Kio (Bordeaux, France), негоціанты влад. виноградниками, принимаютъ корреспонденцію на яз. эсперанто. Вышли № 1—2 журнала „Espero Pacifista", вступившаго во 2-й годъ изданія, № 9 журн. „Tra la Mondo" и „Anatomia Vortaro" изд. фирм. Гашетъ.

**Чили**. Выходящ. въ Vilparajzo журн. „El Melcurio" помѣстилъ телеграмму изъ Бостона объ открытіи эспер. курсовъ при Гарвардскомъ университетѣ. Въ Сентъ Яго

Tammerfors, Kemi, Jyväskyla, Suursaari (apud Kotka) kaj en Karhula. S-ro A. Stadius diris pri esper. sukcesan paroladon en Helsingfors, en Finna Negociista S-to. En sama urbo pretiĝas Kongreso Esperantista. Loka gazetaro: „Nya Pressen", „Hufvudstadsbladet", „Nuori Suomi", „Kauppalekti", „Virittaja", „Turum", „Sanomat" kaj multaj aliaj bonege recenziis pri l-vo esperanto.

**Francujo**. Propono de s-ro Hénaffe pri enkonduko de l-vo esperanto en ĉiujn lernejojn de urbo Parizo estis favore akceptita en ĝustaj regantaj rondoj kaj oni povas atendi instruadon de tiu lingvo ne sole en la tuta Francujo, sed unutempe kaj en Anglujo, kie tiu ĉi demando estas favore solvita por esperanto. Fondiĝis esper. grupoj en Sotteville, Creusot kaj klubo de juna esperantistaro „Verda Stelo" en Beaune. En Angers formiĝas esper. laborista grupo. En Sens loka esper. grupo aranĝis koncerton-balon, kaj Versala grupo—esper. spektaklon. En Vincennes, Charenton, Reims kaj aliaj urboj oni sukcese instruas Esperanto por soldatoj. S-roj L. de Beaufront, adv. Michaux kaj aliaj diris paroladojn pri esper. en Hyères, Marseille, Aix, Lyon kaj Lens; en Lens jam formiĝas esper. grupo. Presa S-to Esperantista en Parizo invitas siajn akciistojn ricevi la akciojn anstataŭ de donitaj kvitancoj. Red. de jurn. „Tra la Mondo", A. Montrosier (8 bis Rue de l'Ecu d'or, Orleans France) invitas por ĵurnalo la kunlaborantojn el ĉiuj landoj pri popola klerigado. S-ro Sentiş en Grenoblo eldonis malgrandan broŝuron: „Le Triomphe de l'Esperanto est—il certain". S-ro G. Sagot (Fay-aux-Loges, Loiret, France) rekomendas „L'Esperantine", apartan kuracilon kontraŭ mallakso. S-roj E. Croneau kaj Kio (Bordeaux, France), negociistoj, posedantoj de vinberujoj, akceptas korespondadon en l-vo esperanto. Aperis № 1—2 de ĵurnalo „Espero Pacifista", enirinta duan jarekzistadon, № 9 de ĵurn. „Tra la Mondo" kaj Anatomia Vortaro,—eld. de firmo Hachette.

**Ĉilio.** Eliranta en Vilparajzo ĵurn. „El Mercurio" enpresis telegramon el Bostono pri malfermo de esperantaj kursoj en Harvarda Universitato. En Santiago formiĝis esper. gru-

сформировалась эспер. группа „Grupo de Kompostelo", предсѣдателемъ которой избранъ г. Santalo. Въ томъ же городѣ въ Институтѣ слѣпыхъ читаются эспер. курсы. Г. L. Sepulveda Cuadra выпустилъ пропагандн. брошюру съ уставомъ эспер. о-ва.

**Швейцарія**. Въ Женевѣ, въ Cercle Communiste, читаются курсы яз. эсперанто. Свящ. Schneeberger произнесъ въ Цюрихѣ замѣчат. рѣчь объ эсперанто, на которой присутствовалъ г. Kurschner, авторъ „Lingua Komun", критиковавшій яз. эсперанто, но блестяще разбитый въ своихъ возраженіяхъ самимъ ораторомъ. Студенческій журн. „Akademio" дѣятельно поддерживаетъ мн. ст. эспер. движенія. Журн. „Juna Esperantisto" вступилъ въ 4 годъ существ. За выбытіемъ г. P. Berthelot изъ Ceret (Франція) въ Швейцарію газ. „Esperanto" нынѣ выходитъ въ Женевѣ (P. R. Central, Geneve, Suisse). Свящ. A. Forel издалъ брошюру „Die Sexuelle frage" въ которой рекомендуетъ изученіе яз. эсперанто. Вышелъ изъ печати, одобр. Л. Заменгофомъ, Lernolibro de Esperanta Stenografio по системѣ Stolze Shrey, составлен. F. Schneeberg (Laufon, Suisse). Эспер. группа въ Neuchatel выпустила новый эспер. значекъ. Mottaz въ Rolle изобрѣлъ особый инкубаторъ „Esperanto". Въ іюнѣ или іюлѣ м-цѣ въ Цюрихѣ состоится генеральное собраніе швейцарск. эсперантистовъ, а 28 августа (6 Sept.) въ Женевѣ откроется 2-й эспер. конгрессъ.

**Швеція**. Студенческій клубъ Стокгольмскаго университета, обсуждая вопросъ о междунар. языкѣ совмѣстно съ профессорами, признaлъ таковымъ большинствомъ голосовъ яз. эсперанто. Основались эспер. группы въ Helsingborg, Nykoping, Karlshamn, Oskarström, Stelleryd и Ronneby. Эспер. преподается въ Marianelund въ Praktiska Skola и имѣетъ быть введенъ въ программу Västeras handelsinstitut и въ Kristinehamns praktiska Skola. Газ. „Stockholms Handelstidning", „Korrespondens Affärsvärlden" и др. постоянно пишутъ объ эсперанто. Вышелъ № 3 мѣстн. эспер. журн. „Esperantisten".

**Е. Радванъ-Рыпинскій**.

po: „Grupo de Kompostelo", kies prezidanto estas elektita s-ro Santalo. En sama urbo, en Instituto por Blinduloj oni legas esper. kursojn. S-ro L. Sepulveda Cuarda elirigis propag. broŝuron kun regularo de esper. s-to.

**Svisujo.** En Ĝenevo, en Cercle Communiste, oni legas esper. kursojn. Abato Schneeberger diris en Zuriho rimarkindan paroladon pri esperanto kie ĉeestis s-ro Kurschner, aŭtoro de „Lingua Komun", kritikanta la l-von esperanto, sed triumfe rebatita en liaj kontraŭdiroj de parolanto mem. Studenta ĵurnalo „Akademio" energieme subtenas per multaj artikoloj esper. movadon. Ĵurnalo „Juna Esperantisto" eniris 4 jarekzistadon. Pro forveturo de S-ro P. Berthelot el Ceret (Francujo) en Svisujon, gazeto „Esperanto" nun eliras en Ĝenevo (P. R. Central, Geneve, Suisse). Pastro A. Forel eldonis broŝuron „Die Sexuelle frage", en kiu li rekomendas ellernon de esperanto. Aperis el presado, aprobita de L. Zamenhof, lernolibro de esperanta stenografio laŭ sistemo de Stolze Schrey, verkita de F. Schneeberger (Laufon, Suisse). Esper. grupo en Neuchatel elirigis novan signeton esperantistan. S-ro Mottaz en Rolle elpensis apartan kovmaŝinon „Esperanto". En Junio aŭ Julio monatoj en Zurich efektiviĝas ĝenerala kunveno de svisa esperantistaro, kaj 28 Aŭg. (6 Sept.) en Ĝenevo malfermiĝos 2-a Kongreso Esperantista.

**Svedujo**. Studenta klubo de Stokholma universitato, prijuĝante demandon pri internacia lingvo kune kun profesoroj, akceptis lingvon esperanto per plimulto da voĉoj. Fondiĝis esp. grupoj en Helsingborg, Nykoping, Karlshamn, Oskarström, Stelleryd kaj Ronneby, Oni instruas esperanton en Marianelund en Praktika Lernejo kaj estos enkondukita en programon de Västeras handelsinstitut kaj en Kristinehamns praktiska skola. Gaz. „Stockholms Handelstidning", „Korrespondens Affärsvärlden" kaj aliaj ĉiam skribas pri esper. Aperis № 3 de loka esper. ĵurnalo „Esperantisten".

**E. Radvan-Ripinski.**



# Kelkaj vortoj al „L. I.“

En № 4 de jurn. „L. I.“, sur la paĝo 118, kie estas citita № 1 de „Rusl. Esper.“ por kur. jaro, la raportanto donas mirinde ŝatindajn kaj servemajn montrojn, kaj nome:—„Radripo por sia kroniko ĉefe uzas L. I. (?) kaj „Rusa Marseillaise“, pres. en la dirita № de R. E., estas trad. de L. Belmont (?). Laŭ kutimo strange-malamika preskaŭ por ĉiuj esper. jurnaloj kaj pri kelkaj el ili tute silentanta kaj penanta ĉe tio-ĉi sin eligi, eble laŭ karaktera proverbo: „sia ĉemizo ĉiam estas pli proksima al korpo“,—jurn. L. I. restas al si fidela ankoraŭ rilate de R. E., sed, bedaŭrinde kaj kontraŭe ĝia, iom tro fiera, opinio pri si mem, la kroniko de L. I. ne estas ankoraŭ tiom riĉa kaj perfekta por servi kiel ĉefa fonto por esper. ĵurnaloj. Mi ĉerpas kronikon por R. E. el komunikoj de multaj niaj propraj korespondantoj kaj el plu, ol 20 ĵurnaloj kaj, lastokaze, laŭ freŝeco de sciigoj, mi preferas la francan gazeton „Esperanto“, sed ne, „L. I.“, kiu pro tiu povas tute trankviliĝi kaj, ĝuste, korekti la eraron pri tradukinto de „Marseillaise“, anstataŭiginte la nomon de Belmont per „Vs. L.“ (Vsevolod Lojko).

**E. Radvan-Ripinski (Radripo).**

5/18. III. 06.
St.-Peterburgo.

---

## ESPERANTUJO.

(De nia korespondanto).

La franca ĵurnalo „Pêle-Mêle“ enpresis la interesan artikolon de s-ro Jusly pri neceseco danki la Prezidanton de Unuigitaj Statoj, s-ron Roosevelt por lia konsentigo de ambaŭ militintaj regnoj kaj pri la paca traktado:—„Plej bona kaj granda honoro farebla al li, ĝi skribas, estas pruvi, ke la homaro komprenis la grandan lecionon, donitan de li..

La neceseco de lingvo helpa universala vidiĝas sin ankoraŭ unufoje... por ke tiu-ĉi verko de ĝenerala utilo plenumiĝis, estus necese oferi al ĝi teritorion havontan plenan neŭtralecon. Tiu okazo estas favora ankaŭ por respondi al alia bezono de l'homaro. La nacioj progrese ekkomprenas, ke iliaj rilatoj ne devas esti regataj per konsideroj de bruta forto, sed per leĝoj de bona senco kaj justeco.

Estos necese, sekve, ke la popoloj konservu inter si ĉiaman kunrilaton, ke ili starigu kunvenon, ke ĉiu al ili estu reprezentita per delegitoj.

Tiu kunveno bezonos neŭtralan terajon kaj ĝiaj membroj — la komunan lingvon.

Plej bela daŭrigo, doninda al la intermetiĝo de s-ro Roosevelt en la milito ruse-japana estus meti je lia dispono teritorion, petante lin organizi el ĝi „internacian kolonion“.

**G. K.**

Parizo.

---

CIRKULERO 5-a.

## Komunikajo de D-ro Zamenhof.

Laŭ la deziro de D-ro Zamenhof, ni komunikas al la Esperantistaro, la jenan artikoleton, titolitan: ‚klarigo“, kiun li sendis al ni, por publikigo en niaj cirkuleroj.

Je la nomo de la Organiza Komitato:

**Sebert.**

KLARIGO

El leteroj kaj gazetaj artikoloj mi vidas, ke kelkaj esperantistoj ne ĝuste komprenas la esencon de „Centra Oficejo“ kaj ili pensas, ke mi propravole fondis ian novan leĝdonantan komitaton. Tial mi devas iom klarigi la aferon.

La „Centra Oficejo“ ne estas ia leĝdonanta komitato, ĝi estas simple **oficejo**, ĝi estas simple **loko**, en kiu koncentriĝas la laboroj de la du komitatoj, kreitaj de la Bulonja Kongreso. La Kongreso kreis provizoran Lingvan Komitaton kaj provizoran Organizan Komitaton, sed, ĝi donis neniajn monajn rimedojn por ebligi al la ambaŭ komitatoj sukcesan laboradon; tiam troviĝis sindonaj kaj malavaraj esperantistoj, kiuj el sia propra poŝo donis (almenaŭ por la unua tempo) la necesan monon, luis apartan loĝejon, en kiu povas koncentriĝi la laboroj de la ambaŭ komitatoj, ĉiuj dokumentoj, ĉiuj leteroj, irantaj al la diritaj komitatoj kaj de la komitatoj; ili ankaŭ difinis kelkan salajron por aparta sekretario, kiu —kun konsento de la prezidantoj de ambaŭ komitatoj—devas plenumadi la necesan kores-

pondadon, registradon k. t. p. Sekve la „Centra Oficejo“ estas ne ia memstara leĝdonanta institucio, sed nur simple helpa oficejo por la ambaŭ komitatoj kreitaj de la Kongreso.

Mi devas diri ankaŭ kelkajn vortojn pri mia persona rilato al la ambaŭ komitatoj. Pro la nunaj cirkonstancoj en mia patrujo kiuj iafoje por longa tempo detranĉas min de la tuta mondo esperantista, kaj parte ankaŭ pro la stato de mia sano, kiu nun jam ne per mesas al mi tiel multe labori eksterprofesie, kiel antaŭe, mi ne povas nun aktive partoprenadi en la laboroj de la ambaŭ komitatoj elektitaj de la kongreso, kaj tial mi petas, ke kun ĉio koncernanta la agadon de la komitatoj oni sin turnu ne al mi, sed al la prezidantoj de la diritaj komitatoj, nome:

a) por la Lingva Komitato al S-ro Rektoro Boirac.

b) por la Organiza Komitato al S-ro Generalo Sebert.

Por konservado de bona ordo en la laboroj, estas utile, ke ĉiuj leteroj al ambaŭ prezidantoj, laŭ ilia propra deziro, estu direktataj al ili per la „Centra Oficejo“.

L. L. Zamenhof.

17 Februaro 1906.

---

# Bibliografio.

**„Elementa fotografa optiko“, originale verkita en esperanto de Karlo-Verks.** — Eldono de „Presa Esperantista Societo“. Paris, 1906. Prezo — 1 fr. 25.

La proprecoj de l'objektivaj vitroj havas en la fotografado grandegan signifon, kaj bonaj rezultatoj estas atingemaj nur kiam oni scias tiujn proprecojn, kiam oni konas leĝojn, regulantajn la funkciojn de l'fotografilo kaj ĝiaj vitroj — l'optikon. La plejmulto da l'fotografistoj — amatoroj do ne posedas tiujn sciaĵojn, kaj oftege okazas, ke ili, „posedantaj bonegan forografilon, ricevas nur malbonajn kliŝojn, ĉar ili ne konas sian objektivon! Ili plendas, ja tre malprave, ke la fotografilo estas malzorge reguligita, — skribas aŭtoro de l'analizata broŝuro, — ke ĝi liveras grizajn kaj konfuzajn fotografaĵojn; ili plendas ke, per tiu fotografilo tiel altpreza, ili ricevas rezultatojn pli malbonajn ol per fotografilo, pli ordinara, pli malmultekosta.“ k. t. p. Kaj ĉio tio — anstataŭ plendi je sin mem, je sian malsciemon rilate l'objektivoj...

La libreto de Karlo-Verks devas plenigi tiun malplenaĵon en la sciaĵoj de niaj fotografistoj. Ĝia celo, laŭ vortoj de l'autoro, estas — „konigi tre elemente al tiuj, kiuj bonvolos donaci al ĝi iom da atento, kio estas objektivo.“

Kiel enkonduko en l'ellernado de tiu demando, l'aŭtoro antaŭsendas ĉapitron pri „optikaj fenomenoj de la lumaj radioj“, prezentantan la revuon de iaj fizikaj leĝoj, esprimoj kaj terminoj, kaj necesan por kompreni la alian parton de l'verko. Tiu kaj aliaj ĉapitroj estas provizitaj per desegnoj kaj ilustraĵoj, kiuj faciligas kompreni la tekston. La speciala parto de l'libro, t. e. la parto, traktanta pri objektivoj, lensoj, diafragmoj k. t. p., estas skribita en sufiĉe komprenebla stilo. La libreto enhavas ankaŭ kelkajn tabelojn.

Ĉiuj esperantistoj, kiujn interesas la fotografado kaj kiuj deziras perfektiĝi en ĝi, sendube akiros tiun ĉi utilan libreton.

**V. D-o.**

**„La serĉado por la ora ŝaflano. Verko de Nathaniel Hawthorne.** Tradukita esperanten de J. Č. O'Connor, Ph. Dr., M. A. kaj C. F. Hayes.-London, 1906. —

La eksteraĵo de tiu libreto faras sufiĉe bonan impreson; ĝi estas bone eldonita, kaj el 54 ĝiaj paĝoj 26 estas plenumitaj per ilustraĵoj de Brinslej le Fanu.

Rilate l'enhavo — ĝi prezentas trarakonton kun diversaj variacioj de l'eminenta greka legendo pri Argonaŭtoj. Eble, ke tiu ĉi trarakonto povas interesi la francan aŭ anglan junularon, sed ne nian-rusan... Estas jam tro sefiĉe por ni la klasika sistemo de grafo Tolstoj, kiu enkondukis ĝin en niajn gimnaziojn nur por elpeli el niaj kapoj eĉ la ombron de libereco kaj tiamaniere li pensis por ĉiam konservadi la aŭtokratecon. La rezultatoj estas tute klaraj...

**V. D-o.**

# RUĜA RIDO.

FRAGMENTOJ EL TROVITA MANUSKRIPTO.

*de Leonid Andrejev.*

(Daurigo).

kaj tial ŝajnis, ke tio ĝemas mem tero aŭ ĉielo, lumigita de l'suriranta suno.

— La kvina versto,—diris la maŝinisto.

— Tio ĉi estas de tie,—montris la doktoro per la mano antaŭen. La studento ektremis kaj malrapide sin returnis al ni:

— Kio do estas ĉi? Ja tion ĉi oni ne povas aŭdi!

— Ni moviĝu!

Ni ekpiediris antaŭ la lokomotivo, kaj de ni sur la relvojon kuŝiĝis senintermanka longa ombro, kaj estis ĝi ne nigra, sed neklare ruĝa de tiu trankvila, senmova lumo, kiu silenteme staris en diversaj finoj de l'nigra ĉielo. Kaj kun ĉiu nia paŝo minace kreskadis tiu ĉi sovaĝa, neordinara ĝemado, ne havinta la videblan fonton—kvazaŭ ĝemadis la ruĝa aero, kvazaŭ ĝemadis la tero kaj ĉielo. En sia senĉeseco kaj stranga indiferenteco ĝi rememorigadis dum kelkaj minutoj kraketadon de griloj sur herbejo—egalan kaj varmegan kraketadon de griloj sur somera herbejo. Kaj ĉiam pli kaj pli ofte komencis renkontiĝadi korpoj de malvivuloj. Ni pase rigardadis ilin kaj deĵetadis de l'relvojo—tiujn ĉi indiferentajn, trankvilajn, malviglajn korpojn, restigintajn sur loko de sia kuŝo mallumajn oleecajn makulojn de ensuĉiĝinta sango, kaj en komenco ni kalkuladis ilin, sed poste erariĝis kaj ĉesis. Estis ili multaj—tro multaj por tiu ĉi minaca nokto, spiranta malvarme kaj ĝemanta per ĉiu parteto de sia ekzistaĵo.

— Kio do estas tio ĉi!—kriadis la doktoro kaj minacadis iun per la pugno. Vi—aŭskultu...

Alproksimiĝadis la sesa versto, kaj ĝemoj fariĝadis pli precizaj, pli akraj kaj jam estis sentataj malrektiĝintaj buŝoj, eldonantaj tiujn ĉi voĉojn. Ni treme enrigardadis en rozkoloran nebulaĵon, trompeman en sia fantoma lumo, kiam preskaŭ apude, ĉe la relvojo malsupre iu laŭte ekĝemis per vokanta, ploranta ĝemo. Ni tuj trovis lin, tiun ĉi vunditon, ĉe kiu sur la vizaĝo estis nur solaj okuloj—tiom grandaj ekŝajnis ili, kiam sur lian vizaĝon falis la lumo de la lanterno. Li ĉesis ĝemi kaj nur alterne transdirektadis la okulojn sur ĉiun el ni kaj sur niajn lanternojn, kaj en lia rigardo estis freneza ĝojo tial, ke li vidas homojn kaj fajrojn—kaj freneza timego, ke tuj ĉio ĉi malaperos, kiel fantomo. Povas esti, li jam ne unu fojon songadis alklinantajn sin kun lanternoj homojn, kiuj malaperadis en sanga kaj neklara delira songo.

Ni moviĝis plu kaj preskaŭ tuj nin surpuŝis sur du vunditojn, unu kuŝis sur la relvojo, la alia ĝemadis en kavo. Dum ilin oni prenis, la doktoro, tremante de l'kolero, dirisal mi:

— Nn kio do?

Kaj sin deturnis. Post kelkaj paŝoj ni renkontis facile vunditon, kiu iris mem, subtenante unu manon per la alia. Li sin movadis, rejetinte la kapon, rekte sur nin, kaj kvazaŭ ne rimarkis, kiam ni dismoviĝis, donante al li la vojon. Ŝajnas, ke li ne vidis nin. Apud la lokomotivo li por unu momento haltis, ĉirkaŭiris ĝin kaj ekiris laŭlonge de vagonoj.

— Ci sidiĝus!—ekkriis la doktoro, sed li ne respondis.

Tio estis la unuaj, teruritaj nin. Sed poste ĉiam pli ofte ili rekontiĝadis sur la relvojo kaj apud ĝi, kaj la tuta kampo, superverŝita de senmova ruĝa relumo de bruloj, moviĝis, kvazaŭ viva, ekbrulis de laŭtaj krioj, ploregoj, malbenoj kaj ĝemoj. Tiuj ĉi mallumaj malebenaĵoj sin movadis kaj rampadis, kiel dormantaj kankroj, ellasitaj el korbo, kurbigitaj, strangaj, malcerte similaj al homoj en siaj ŝiritaj, malklaraj movoj kaj malfacila senmoveco. Unuj estis senvoĉaj kaj humilaj, aliaj ĝemadis, kriadis, insultadis kaj malamis nin, savantajn ilin, tiel pasie, kvazaŭ ni kreis kaj tiun ĉi sangan indiferantan nokton, kaj ilian solecon inter la nokto kaj malvivaj korpoj, kaj tiujn ĉi terurajn vundojn. Jam mankis loko en vagonoj, kaj tuta vesto nia fariĝis malseka de sango, kvazaŭ longe staris ni sub

sanga pluvo, sed vunditojn oni senĉese portadis, kaj ĉiam tiel same sovaĝe sin movadis la reviviĝinta kampo.

Kelkaj alrampadis mem, aliaj aliradis, sin balancante kaj falante. Unu soldato preskaŭ alkuris al ni. Ĉe li estis frakasita la vizaĝo, kaj restis sola okulo, brulinta sovaĝe kaj terure, kaj estis li preskaŭ nuda, kvazaŭ el banejo. Puŝinte min, li elpalpis per la okulo la doktoron kaj rapide per la maldekstra mano ekkaptis lin por la brusto.

— Mi cian vizaĝegon, batos! — ekkriis li kaj, skuante la doktoron, longedaŭre kaj pikeme aldonis cinikan insulton.—Mi cian vizaĝegon batos! Kanajloj!

La doktoro sin liberigis kaj, sin movante sur la soldaton, sufokiĝante, ekkriis:

— Mi cin sub juĝon submetos, sentaŭgulon! En mallibere,on! Ci malhelpas al mi labori! Sentaŭgulo! Besto!

Ilin oni distrenis, sed longe ankoraŭ la soldato kriadis: kanajloj! Mi batos vizaĝegon!

Mi jam perdadis fortojn kaj deziris al flanko por fumi kaj ripozi. De la sursekiĝinta sango la manoj vestiĝis kvazaŭ en nigrajn gantojn, kaj malfacile fleksiĝadis la fingroj, perdante cigaredojn kaj alumetojn. Kaj kiam mi ekfumis, la tabaka fumo ekŝajnis al mi tia nova kaj stranga, de tute aparta gusto, kian mi sentadis nek ĝis tiam, nek poste. Tiam ĉi aliris al mi la studento-sanitaro, tiu, kiu veturis tien ĉi sed al mi ekŝajnis, ke mi kaj li intervidis antaŭ kelkaj jaroj, kaj mi neniel povis ekrememori, kie. Paŝadis li fortike, kvazaŭ marŝadis, kaj rigardis tra mi, ien pli malproksimen kaj pli alten.

— Sed ili dormas, — diris li kvazaŭ tute trankvile. Mi ekflamis kolere, kvazaŭ la riproĉo koncernis min.

— Vi forgesas, ke ili dek tagojn bataladis, kiel leonoj.

— Sed ili dormas, — ripetis li, rigardante tra mi kaj pli alten. Poste sin klinis al mi kaj, minacante per la fingro, tiel same seke kaj trankvile daŭrigis:

— Mi al vi diros. Mi al vi diros.

— Kion?

Li ĉiam pli malalten sin klinadis al mi, grandsignife minacadis per la fingro kaj ripetadis kvazaŭ finitan penson:

— Mi al vi diros. Mi al vi diros. Rakontu al ili.

Kaj ĉiam tiel same severe rigardante min kaj ankoraŭ unufoje minacinte per la fingro, li elprenis la revolveron kaj ekpafis en sian tempion. Kaj tio ĉi neniom mirigis kaj neniom timigis min. Transmetinte la cigaredon en la maldekstran manon, mi esploris per la fingro la vundon kaj iris al la vagonoj.

— La studento do mortigis sin. Ŝajnas, ankoraŭ li estas viva, — diris mi al la doktoro. Tiu ekkaptis sian kapon kaj ekĝemis:

— Ha, diablo lin!... Ja ne estas do ĉe ni loko. Jen tiu tuj ankaŭ mortigos sin. Kaj mi donas al vi parolon de honoro, — li ekkriis kolere kaj minace: — mi ankaŭ! Jes! Kaj mi petas vin — bonvolu iri piede. La lokoj mankas. Vi povas plendi, se vi volas!

Kaj daŭrigante kriadi, li sin deturnis, kaj mi aliris al tiu, kiu tuj sin mortigos. Tio estis la sanitaro, ankaŭ, ŝajnas, studento. Li staris, apoginte sian frunton en la mureton de l'vagono, kaj ŝultro lia ektremadis de ploregoj.

— Ĉesu, — diris mi, tuŝinte la ektremadantan ŝultron.

Sed li ne returnis sin, ne respondis kaj ploris. Kaj la nuko ĉe li estis juna, kiel ĉe tiu, kaj ankaŭ terura, kaj staris li sensence kurbiĝinte, kiel malsobrulo, kiu vomas; kaj la kolo ĉe li estis en sango — kredeble, li kaptadis per la manoj.

— Nu?—diris mi senpacience.

Li debalanciĝis de l'vagono kaj, mallevinte la kapon, maljunule kurbiĝinte, iris ien en mallumon, for de ĉiuj ni. Mi ne scias kial, ankaŭ mi iris post li, kaj ni longe iris, ien flanken, for de l'vagonoj. Ŝajnas, ke li ploris; kaj al mi fariĝis enue kaj mi mem ekvolis plori.

— Haltu!—ekkriis mi, haltinte.

Sed li iris, malfacile movante la piedojn, kurbiĝinte, simila al maljunulo, kun siaj mallarĝaj ŝultroj kaj piedtrenanta irado. Kaj baldaŭ perdiĝis li en ruĝeta nebulaĵo, ŝajninta lumo kaj nenion lumiginta. Mi do restis sola.

Maldekstre, jam malproksime de mi, preternaĝis vico da neklaraj fajretoj—tio foriris la vagonaro Mi estis sola—inter mortintoj kaj mortantoj. Kiom da ili ankoraŭ restis? Apud mi ĉio estis senmova kaj malviva, sed pli malproksime la kampo sin movadis, kiel viva—aŭ al mi tio ĉi ŝajnis tial, ke mi estas sola. Sed ĝemado ne mallaŭtiĝis. Ĝi sin sternadis sur la teroakra, senespera, simila al infana

plorado, aŭ al pepado de mil forĵetitaj kaj frostiĝantaj hundidoj. Kiel akra, senfina glacia pikaĵo eniradis ĝi en la cerbon kaj malrapide sin movadis reen kaj antaŭen — reen kaj antaŭen...

## Fragmento sesa.

... tio estis la niaj. Inter tiu stranga konfuzeco de movoj, kiu dum lasta monato persekutadis ambaŭ armeojn, nian kaj la malamikan, rompante ĉiujn ordonojn kaj planojn, ni estis certaj, ke sur nin surmovadas la malamiko, nome la kvara korpuso. Kaj jam ĉio estis preta por atako, kiam iu en binoklo klare distingis niajn uniformojn, kaj post dek minutoj la konjekto fariĝis trankvila kaj feliĉa certeco: tio ĉi estis la niaj. Kaj ili, videble, rekonis nin: ili almovadis al ni tute trankvile, kaj en tiu ĉi trankvila movado estis sentata tiu sama, kiel ĉe ni, feliĉa rideto de neatendita renkonto.

Kaj kiam ili komencis pafadi, ni kelkan tempon ne povis kompreni, kion tio ĉi signifas, kaj ankoraŭ ridetadis, - sub tuta hajlo de ŝrapnelo kaj kugloj, ŝuperŝutintaj nin kaj en unu fojo elkaptintaj centojn da homoj. Iu ekkriis pri la eraro, kaj - mi fortike memoras tion ĉi — ni ĉiuj ekvidis, ke tio ĉi estas la malamiko kaj ke uniformo tiu ĉi estas lia, sed ne nia, kaj ni tuj respondis per fajro. Post, kredeble, dekkvin minutoj post la komenco de tiu ĉi stranga batalo de mi estis forŝiritaj ambaŭ piedoj, kaj rekonsciiĝis mi jam en lazareto, post la amputacio.

Mi demandis, kiel finiĝis la batalo, sed al mi oni donis eviteman trankviligantan respondon, el kiu mi komprenis, ke ni estas disbatitaj; kaj poste min, senpiedulon, ekkaptis ĝojo, ke min nun oni sendos hejmen, ke mi tamen estas viva - viva por longa tempo, por ĉiam. Kaj nur post semajno mi eksciis kelkajn detalojn, ree puŝintajn min al duboj kaj al nova, ankoraŭ neprovita teruro.

Jes, ŝajnas, ke tio ĉi estis la niaj,—kaj de nia grenado, lasita el nia pafilego, de nia soldato, estis forŝiritaj miaj piedoj. Kaj neniu povis klarigi, kiel tio ĉi okazis. Io okazis, io mallumigis rigardojn, kaj du regimentoj de l'sama armeo, starante trans unu versto unu kontraŭ alia, tutan horon reciproke ekstermadis unu alian, en plena certeco, ke ili havas aferon kun malamiko. Kaj oni rememoradis pri tiu ĉi okazo nevolonte, per duonvortoj, kaj—tio ĉi estas plej mirinda—estis sentate, ke multaj el parolintoj ĝis nun ne konscias la eraron.' Pli vere, ili konfesas ĝin, sed opinias, ke ĝi estis pli poste, sed en komenco ili efektive havis aferon kun malamiko, ien sin kaŝinta dum universala tumulto kaj submetinta nin sub niajn proprajn kuglegojn. Kelkaj malkaŝe parolis pri tio ĉi, donante precizajn klarigojn, kiuj ŝajnis al ili kredindaj kaj klaraj. Mi mem ĝis nun ne povas kun tuta konvinko diri, kiel komenciĝis tiu ĉi stranga malkompreniĝo ĉar mi egale klare vidis komence nian, ruĝan uniformon, kaj poste ilian, oranĝkoloran. Kaj iel tre rapide ĉiuj forgesis pri tiu ĉi okazo, tiel forgesis, ke paroladis pri ĝi, kiel pri vera batalo, kaj en tiu ĉi senco estis skribitaj kaj senditaj multaj, tute sinceraj korespondaĵoj; mi ilin legis jam hejme. Al ni, vunditoj en tiu ĉi batalo, la rilato estis komence iom stranga, — ni oni kvazaŭ malpli kompatis, ol aliajn vunditojn, sed baldaŭ ankaŭ tio ĉi egaliĝis. Kaj nur novaj okazoj, similaj al la priskribita, kaj la okazo, kiam en la malamika armeo du taĉmentoj efektive mortigis unu la alian preskaŭ senescepte, atinginte nokte ĝis mana batalo — donas al mi rajton opinii, ke tie ĉi estis eraro.

Nia doktoro, tiu, kiu faris la amputacion, seka ĝis ostoj maljunulo, traodorinta de jodoformo, tabaka fumo kaj fenolo, ĉiam al io ridetanta tra flave grizaj, maldensaj lipharoj, diris al mi, fermetinte la okulojn:

— Via feliĉo estas, ke vi veturas hejmen. Tie ĉi estas iel malbone.

— Kio do?

— Jen liel. Malbone. En nia tempo estis pli simple.

Li estis partopreninto en la lasto eŭropa milito, estinta preskaŭ antaŭ kvarono da jarcento, kaj ofte kun plezuro ekrememoradis ĝin. Sed tiun ĉi li ne komprenadis kaj, kiel mi rimarkis, timis.

— Jes, malbone, — ĝeme ekspiris li kaj faris nuban vizaĝon, sin kaŝinte en la nubo de tabaka funo.—Mi mem forveturus de tie ĉi, se estus eble.

Kaj sin klininte al mi, li ekmurmuretis tra flavaj, fumaĵitaj lipharoj:

— Baldaŭ venos tia momento, kiam jam neniu de tie ĉi forveturos. Jes. Nek mi, neniu, kaj en proksimaj, maljunaj okuloj liaj mi ek-

vidis tion saman haltintan, malakre frapitan. Kaj io terura, netolerebla, simila al falo de milo da konstruaĵoj, ekflugis en mia kapo, kaj, malvarmiĝante de teruro, mi ekmurmuretis:

— Ruĝa rido.

Kaj li estis unua, kiu komprenis min. Li rapide ekbalancis la kapon kaj konstatis:

— Jes. Ruĝa rido.

Tute proksime alsidiĝinte al mi kaj ĉirkaŭrigardante ĉiujn flankojn, li ekmurmuretis, pli ofte parolante, maljunule, movante la akran, grizetan barbeton:

— Vi baldaŭ forveturos, kaj al vi mi diros. Ĉu vi vidis iam ajn batiĝon en frenezulejo? Ne? Sed mi vidis. Kaj ili sin reciproke batadis, kiel sanaj. Ĉu vi komprenas: kiel sanaj. Li kelkajn fojojn multesignife ripetis tiun ĉi frazon.

— Kio do? — tiel same murmuretante kaj timeme demandis mi.

— Nenio. Kiel sanaj.

— Ruĝa rido,—diris mi.

— Ilin oni disverŝis per akvo.

Mi ekrememoris la pluvon, kiu tiel timigis nin, kaj koleriĝis.

— Vi freneziĝis, s-ro doktoro!

— Ne pli, ol vi. Ĉiaokaze, ne pli.

Li ĉirkaŭkaptis per la manoj la akrajn, maljunulajn genuojn kaj ekĥiĥiis; kaj strabante sur min trans la ŝultro, ankoraŭ konservante sur la sekaj lipoj resonojn de tiu ĉi neatendita kaj peza rido, li kelkajn fojojn malice ekpalpebrumis al mi, kvazaŭ ni kun li nur du sciis ion tre ridindan, kion scias neniu. Poste kun soleneco de profesoro de magio, montranta jonglojn, li alte levis la manon, glate mallevis ĝin kaj singardeme, per du fingroj tuŝetis tiun lokon de la litkovrilo, sub kiu estus miaj piedoj, se oni ilin ne fortranĉus.

— Sed ĉu tion ĉi vi komprenas? —mistere demandis li.

Poste tiel same solene kaj multesignife li etendis la manon sur la vicoj de litoj, sur kiuj kuŝis vunditoj, kaj ripetis:

— Sed tion ĉi ĉu vi povas klarigi?

— La vunditoj,—diris mi.—La vunditoj.

— La vunditoj,—kiel eĥo, ripetis li.—La vunditoj. Sen piedoj, sen manoj, kun traŝiritaj ventroj, dismuelita brusto, elŝiritaj okuloj. Ĉu vi tion ĉi komprenas? Mi estas tre ĝoja. Sekve, vi komprenos aukaŭ tion ĉi?

Kun fleksiĝeco, neatendebla por lia aĝo, li sin transĵetis malsupren kaj stariĝis sur la manojn, balancante en la aero la piedojn. La blanka kitelo turniĝis malsupren, la vizaĝo pleniĝis de l'sango, kaj, obstine rigardante min per stranga returnita rigardo, li malfacile ĵetadis fragmentajn vortojn:

— Sed tion ĉi . . . ĉu vi ankaŭ . . . komprenas?

— Ĉesu,— timigite ekmurmuretis mi.—Se ne — mi ekkrios.

Li sin returnis, prenis naturan situacion, sidiĝis ree apud mia lito kaj, blove spirante, instrueme diris:

— Kaj neniu tion ĉi komprenas.

— Hieraŭ oni ree pafis.

— Kaj ree oni pafis. Kaj antaŭhieraŭ ankaŭ oni pafis, — konfirme ekskuis li la kapon.

— Mi volas hejmen! — kun sopiro diris mi. — S ro doktoro, kara, mi volas hejmen. Mi ne povas tie ĉi resti. Mi ĉesas kredi, ke estas la hejmo, kie estas tiel bone.

Li pensis pri io kaj ne respondis, kaj mi ekploris:

— Mia Dio, mi ne havas la piedojn. Mi tiel amis veturadi sur bicikleto, iradi, kuradi, sed nun mi ne havas la piedojn. Sur la dekstra piedo mi balancadis la filon, kaj li ridadis, sed nun . . . Estu vi malbenita! Por kio mi veturos? Mi estas nur tridekjara . . . Estu vi malbenita!

(Daŭrigo venos).

---



Типо-Литографія Д. П. Вейсбрута Троицкій пр., 14.

